# *enhavo:*



*En la unua kovrilpaĝo estas kunmetitaj la fotoj, kiuj aperis en la unuaj kovrilpaĝoj de ĉiuj antaŭaj numeroj de REGo.*

**PARDONPETO**

En la antaŭa numero de REGo pro redakcia kulpo ne estis indikita la aŭtoro de "Miaj impresoj pri UK-90" (pp. 3-8). La impresoj apartenas al Mikaelo Povorin (Moskvo). La redakcio petas pardonon de la aŭtoro kaj de la legantoj.

**REGo**
(Rusia Esperanto-Gazeto)
***№ 5 (30) oktobro 2005***
*aperadas ekde 2000*

***redaktas*** **Garik Kokolija**
***kunredaktas*** **Viktor Aroloviĉ**
***kunlaboras*** **Maksim Griŝin**



*poŝta adreso:* Pjatnickoje ŝosse 45 – 105, 125310 Moskvo, Rusio
*retadreso* <gazeto@mail.ru>

***abontarifoj por 2006:***

*por loĝantoj de Rusio kaj aliaj landoj de KSŜ – 180 rubloj sendendaj al:* Коколия Георгий Владимирович, Пятницкое шоссе 45 – 105, 125310 Москва

*por loĝantoj de aliaj landoj – 18 eŭroj pagendaj al la konto* ***kklg-r*** *ĉe UEA*

## Klara Ilutoviĉ. Survoje. *Originalaj poemoj.*

*Eld. Impeto. Moskvo, 2005. 56 paĝoj. ISBN 5-7161-0147-X*

*Aperis la libro kun versaĵoj de unu el la plej bona nuntempaj rusiaj poetoj Klara Ilutoviĉ. Ĝi estas la unua ŝia presita libro, antaŭe la versaĵoj de Klara Ilutoviĉ estis publikigitaj en la kolekto "Moskvaro". Baldaŭ la libro aperos en la Libroservoj. Jen estas unu el la versaĵoj el tiu libro:*




### La forlasita domo

La domo malplenas. Jam ĉiuj loĝintoj
Ekvivis en domo la nova.
Senvitras fenestroj en ŝtonlabirintoj
De l' brika oldulo senpova.
La dom' neloĝata kaj ruinigota.
Ĉifonoj, tabuloj, paperoj.
Ŝtupar' la faleble danĝera kaj kota –
Ne ardu rabistaj esperoj.
Sur lok' de la dom' iam vive sonora
Fariĝos ebena la tero,
Kaj dume ĝi staras kaduke torpora,
Sen voĉoj, sen lum', sen espero.
Apude rubaĵoj korpreme amasas,
Kotgrize humidas la muroj.
La tempo de homoj kaj domoj forpasas –
En kara memor' aŭ sen spuroj.
Sed novaj kaj novaj domegoj plu altas,
Jen placo naskiĝas, jen strato.
La viv' de la urbo ne velkas, ne haltas.
De kie do gutas kompato?..

---

## TRA LA TUTA URBO – PERPIEDE

01-02.10.2005 en Volgograd sukcese pasis neordinara ago. Tiun agon organizis esperantistoj, sed ĝi origine ne estis Esperanta aranĝo. Do, ni sukcese trapaŝis la tutan Volgogradon perpiede de sudo ĝis nordo – ĉirkaŭ 80 km sume. Ni konsumis du tagojn por tio. En tiu paŝado partoprenis 11 personoj en maksimumo. 5 el ili estis esperantistoj. Kaj tiuj esperantistoj dum tuta vojo portis fiere flirtantan Esperantan flagon. Rezulte aperis artikoloj pri la paŝado en lokaj ĵurnaloj "Molodoj" (Junulo) kaj "Veĉernij Volgograd" (Vespera Volgorad). En ambaŭ artikoloj oni menciis esperantistojn kiel la organizantojn. Kaj en unu artikolo oni enmetis nian foton kun la Esperanta flago.



***Anatolij Krasnokutskij (Volgograd)***

# Disko de Paŭlo Moĵajev

Julie 2005 estis produktita de Societo por subteno kaj defendo de ukraina kulturo "Espero" la unua kant-albumo de Paŭlo Moĵajev (Mevo), esperantisto el Krimeo. La albumo havas la nomon "Pluke-Traduke" – tio substrekas, ke preskaŭ ĉiuj kantoj, kiuj konsistigas la albumon, estas tradukitaj. Enestas nur unu tute originala ero (kun originalaj Esperanta teksto kaj muziko). Jen estas detala listo de la kantoj: ***1. Dum vintro ŝtormas kaj fridas...; 2. Kanto pri feliĉo; 3. Tridek tri bovinoj; 4. Reveno; 5. Intervidiĝo kun la kolonelo; 6. Lulkanto; 7. Lulkanto por tiuj, kiuj ne scipovas flugi; 8. Francie aŭtunas; 9. Bruna pantalono; 10. Babaj'; 11. Adiaŭ, adiaŭ; 12. Ĉipa bilet'; 13. Sed ĉio tias; 14. Ha, kia cirko!; 15. La injo potenciĝas...; 16. Turneo de Ĉielarko; 17. S-ro Misterfelo; 18. La kapojn regas paradiz'; 19. Superstelo; 20. Olda pian'; 21. Via milda malĝoj'...; 22. Lulkanto.*** Jen el kio devenas la kantoj: 1, 2 – el la filmo "Ivan Vasiljeviĉ ŝanĝas la profesion"; 3 – el la filmo "Meri Poppins, ĝis revido!"; 4, 5, 6 – tekstoj kaj muziko de M.Ŝĉerbakov; 7 – teksto kaj muziko de krimea bardo K.Viĥljajev; 8 – teksto kaj muziko de krimea bardo P.Grebjenjuk; 9, 10, 11, 12 – tekstoj kaj muziko de A.Ivaŝĉenko kaj G.Vasiljev; 13 – de la rusia rok-bando "Ĉajf"; 14, 15, 16 – el la muzikalo de A.L.Webber "Evita"; 17 – el la muzikalo de A.L.Webber "La katoj"; 18, 19 – el la muzikalo de A.L.Webber "Jesuo Kristo Superstelo"; 20 – el la filmo "Ni estas el ĵaz-bando"; 21 – teksto de A.Saĥaltujev, muziko de P.Moĵajev; 22 – aŭtora kanto de P.Moĵajev.




Preskaŭ ĉiuj kantoj estas prezentitaj kun gitara akompano; la 3 lastaj kantoj estas akompanitaj de piano. La disko estas registrita kaj preparita sufiĉe bonkvalite, ĝin akompanas la tekstolibreto. Gitar- kaj pianludas P.Moĵajev. La prezo de la disko por rusianoj – 120 rub + poŝtelspezoj (por opaj aĉetoj ne malpli ol 5 ekz. – 100 rub + poŝtelspezoj). Pri distribuado de la disko okupiĝas Mikaelo Lineckij. Kontaktu lin poŝte: p.k. 91, Kievo-201, UA-04201, Ukrainio; aŭ rete <ml@espero.kiev.ua>.

***(esperanto-rus-informoj)***

## “TAGOJ DE INTERNACIA LINGVO ESPERANTO” EN SOĈI

Post pli ol dekjara paŭzo en Soĉi denove okazis regiona E-renkontiĝo – “Tagoj de Internacia Lingvo Esperanto”. Al ĝi venis 10 aliurbanoj (4 el Armavir, 3 el Gorjaĉij Kljuĉ, po 1 el Gelenĝik, Moskvo kaj Ŝumerlja). La soĉianoj estis apenaŭ kalkuleblaj – verŝajne ne malpli ol 30. Ne konsiderante Rusian E-Kongreson en 1993, tio estis la unua regiona E-renkontiĝo en Soĉi dum la lastaj 15 jaroj.

La malfermon de la aranĝo filmis unu el soĉiaj televidkanaloj. En iuj stratoj videblas afiŝetoj pri E-o (estis dispendigitaj ĉ. 70-80 ekzempleroj).

La partoprenintoj taksis la renkontiĝon sukcesa. Armaviranoj anoncis, ke nun ili ekentuziasmiĝis por denove okazigi E-kursojn; komencantoj el Gorjaĉij Kljuĉ ektraktis kun soĉianoj pri okazigo de gasta kurso; ekpensis pri reveno al aktiva E-agado ankaŭ Vladimir Kosolapov el Gelenĝik (cetere, posedanta propran hoteleton – konsideru ĝin: <http://mountclub.narod.ru>).

Sukcesa estis ankaŭ la gvidita de mi rapidkurso, okazinta kadre de la renkontiĝo. Sume ĝin partoprenis 12 personoj kiel lernantoj kaj kelkaj pliaj kiel observantoj. Veraj novuloj estis nur tri personoj (eĉ el ili du estis relativaj novuloj, ĉar delonge serĉis esperantistojn kaj provis lerni la lingvon memstare). La ceteraj estis klubanoj de la soĉia E-klubo, kiuj ankoraŭ ne bone posedas la lingvon. Feliĉe, la uzita metodo taŭgis samtempe por ĉiuj.

Surprize altnivela montriĝis la arta programo de la renkontiĝo – ĉefe dank’ al vere profesia kantado de Sergej Sergejev, sed ankaŭ la multnombraj prezentoj, entuziasme preparitaj de la klubanoj de “Laro”, lasis agrablan impreson.

> Doktoro demandas maljunan pacienton:
> – Chu vi havas noktajn frostotremojn?
> – Kio estas tio?
> – Kiam viaj dentoj klakadas.
> – Mi ne scias. Nokte mi lasas miajn dentojn en la glaso, kaj mi ne aŭdas tre bone.
>
> ***(per-esperanto-humuro)***

En la cetera parto de la programo la plej menciindaj estas prelego de Vladimir Kosolapov pri turismaj marŝadoj en Kaŭkazio, prezento de novaj libroj de Wang Huai Yu (nun cetere ne plu kuracisto, sed ĝenerala direktoro de ĉina komerca firmao). Intereson vekis ankaŭ la unuafoja prezento de kelkaj fragmentoj el la E-lingvigita filmo “Kin-Dza-Dza!”, kiun mi venigis al la renkontiĝo.

La informa flanko de la renkontiĝo estas apenaŭ fanfaroninda. Esperanto, dank’ al la agado de “Laro”, estas nenia novaĵo por soĉianoj, nek la renkontiĝo estis iom tro elstara el dekoj da eĉ pli grandaj eventoj, okazantaj en la urbo samtempe. Tamen kelkaj informoj devus aperi – la ĵurnalistoj la renkontiĝon vizitis.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## E-KANTOJ SUR LA KAJO

“Trezoro de Nigramara bordo!...” laŭte sonis populara kanto super la kajo de Soĉi – en Esperanto-traduko.

La kajo de Soĉi estas longega vico de dancejoj kaj restoracioj, preter kiuj tutnokte fluas amasoj da distriĝantaj ripozantoj. En ĝia centra parto situas malfermita

kafejo ”Kalifornija”, kie la tutan nokton vive muzikas loka ensemblo, unu el kies membroj Sergej Sergejev estas ankaŭ aktivulo de soĉia E-klubo “Laro”.

“E-kantojn ĉi tie oni povas aŭdi la tutan someron, preskaŭ ĉiusemajne, – rakontis al mi Vladimir Bespalov, la prezidanto de “Laro”. – Kiam al la kafejo venas lokaj e-istoj, des pli kun aliurbaj gastoj, Sergej ĉiam tre plezure plilarĝigas la repertuaron de la plenumataj kantoj per la E-lingvaj”.

“Por miaj amikoj Andreo kaj Vladimir sonas pliaj bonaj kantoj”, – anoncas (daŭre en E-o) Sergej, – kaj kantas aliajn E-kantojn – proprajn kaj tradukitajn. La samensemblanoj – barbohava viro kaj junulino – kunkantas.

La promenanta publiko apenaŭ ion rimarkas, oni trinkas, babilas, manĝas, dancas. Ĉi tie sur la kajo, por la internacia publiko, sonas kantoj en multaj lingvoj. Konsternita estus nur iu esperantisto, kiu venus ĉi tien memstare, ne kontaktante la lokan E-klubon, sed tiu verŝajne kredus, ke halucinas.

Tamen, vere agrabla prezentado. Nepre vizitu, se vi hazarde preterpasos.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## LA 11-a “VELURA SEZONO”

La 10-18-an de septembro en Jalta okazis la 11-a Internacia E-festivalo “Velura Sezono”. La unuaj 9 festivaloj okazis antaŭ la “perestrojko”, kaj nur pasintjare, post la 16-jara paŭzo, okazis la 10-a. La festivalo estis tiom sukcesa, ke pro ĝia okazigo la klubo pasintjare fariĝis laŭreato de la urba konkuro “Socia rekono” en la nomumo “Socia organizaĵo de la jaro”.



*komuna kanto de sur la scenejo*

Iam en Jalta loĝis kelkaj famegaj Esperanto-pioniroj. Unu el ili, Nikolao Borovko, estis aŭtoro de la unuaj noveloj, verkitaj en Esperanto. En 1902 li fondis la unuan urban bibliotekon en Jalta, kaj nun sur la domo, kie estis la unua biblioteko, pendas memortabulo omaĝe al li kiel E-pioniro. En la sama domo nun situas konsulejo de Kartvelio en Krimeo kaj filharmonio, kies direktoro estas la konsulo. Dank’ al tio ĉi-jare okazis konatiĝo de la klubo kun la konsulo kaj, ĉar la klubanoj delonge havis amikajn kontaktojn kun la tbilisaj esperantistoj, la konatiĝo transiris al kunlaboro. Okazis renkontiĝo de la klubo kun jalta kartvela naci-kultura unuiĝo “Etim Gurĝi” en kartvela kafejo “Pirosmani”. Pri la renkontiĝo informis urba ĵurnalo, radio, televido kaj kartvellingva ĵurnalo de Batumi. Rezulte aperis ideo dediĉi la festivalon al la Jaro de Kartvelio en Ukrainio, kaj la konsulejo de Kartvelio en Krimeo, la unuiĝo “Etim Gurĝi”, la

urba estraro, la filharmonio fariĝis kunorganizantoj de la festivalo. Dank' al tio la festivalanoj povis senpage viziti ĉiujn muzeojn kaj fermitan naturrezervejon.



*Kim Henriksen kun la ensemblo DVS sur la urboplaco*

La ĉefa celo de la festivalo estas propagando de Esperanto al la ekstera publiko. Tial pasintjare dum la festivalo okazis gazetara konferenco, kiun iniciatis kaj gvidis (kune kun V.Soroka) Ĵenja Zvereva, redaktoro de "Kontakto". Ĉar ŝi sukcesis antaŭ la festivalo aperigi bonan informon pri ĝi en la plej granda novaĵagentejo de Ukrainio, efiko estis grandega: amaso da ĵurnalaj kaj retaj artikoloj, radiaj kaj televidaj elsendoj, ankaŭ per unu el tutlandaj kanaloj kaj eĉ per internacia kanalo, kiun en Usono spektis eksaj jaltanoj.

La gazetara konferenco okazis ankaŭ ĉi-jare La konferencon gvidis aktiva poltava esperantisto Bogdan Lis. Intevjuataj estis honora konsulo de Kartvelio en Krimeo Elguĝa Kepuladze, la gvidanto de la E-klubo "Tero" Jefim Zajdman, deputito-esperantisto Vladimir Strojvans, solisto de E-ensemblo "Esperanto Desperado" Kim Henriksen el Danio, Delegito de UEA en Kievo Mikaelo Lineckij kaj juna aktivulino de la klubo Irina Gerasimova. Informoj pri la festivalo estis ne tiom multaj, kiel pasintjare, tamen aperis ankaŭ en unu el la tutlandaj televidaj kanaloj kaj en tbilisa ĵurnalo.

Okazis du senpagaj koncertoj: en la urba Kulturcentro kaj sur la urboplaco. Kvankam en la urbo pendis grandaj koloraj afiŝoj, por allogi publikon al ĉi koncertoj, antaŭ tiuj okazis ankaŭ improvizitaj koncertoj sur la ĉefa ĉemara strato. Dum tiuj koncertoj esperantistoj disdonadis flugfoliojn, kiuj krom la informoj pri Esperanto enhavis adreson de la retejo <www.esperantio.narod.ru>, kreata de Pavel Moĵajev (Mevo) por neesperantistoj.



*kantas Maŝa Koĉetkova*

La festivalon partoprenis nur 75 personoj, malpli ol pasintjare, sed inter ili estis pli multe da artistoj (ĉ. 20). Stelulo de la festivalo estis

Kim Henriksen, kiu antaŭ 20 jaroj estis unu el ĉefaj pioniroj de Esperanta rok-muziko. En 1983 li estis kunfondinto de la unua fama rok-grupo "Amplifiki", kaj en 1996 – de la dana-pola-bosnia rok-grupo "Brokantajo" (post jaro renomigita je "Esperanto Desperado"). Liaj gepatroj renkontiĝis antaŭ 45 jaroj en IJK en Pollando. Li do estas denaska esperantisto, trilingvulo ekde la naskiĝo.

Inter la kantistoj estis ankaŭ: la orvoĉa Pavel Moĵajev (ĵus aperis lia unua disko), virtuoza gitaristo kaj bardo Pavel Korotenko, diplomito de la Gruŝin-festivalo, laŭreato de la barda festivalo "2-a kanalo" Marija Koĉetkova, talenta E-bardo Maksim Ŝabala el la vilaĝo Voskobojniki (Poltava regiono) kaj aliaj. Inter la invititaj gastoj estis laŭreato de la pasintjara barda festivalo "Aŭtuna Jalta" ensemblo DVS el Ĥarkovo, "Karavano de amo de sunaj bardoj" el Belorusio, Rusio, Ukrainio, Turkmenio kaj vagantaj tra Krimeo blovmuzikistoj el Peterburgo, kiujn ni elektis el inter multaj muzikistoj de sur la kajo. Do, en la koncertoj la kantoj sonis ne nur en Esperanto. La koncertojn partoprenis ankaŭ nia brila dancistino Kristina Ŝapran.



*Kristina Ŝapran*

Solena inaŭguro de la festivalo aspektis tre oficialece: sur la scenejo staris grandaj flagoj de Ukrainio, Kartvelio, Krimeo kaj… Esperantio. La festivalanojn salutis gvidanto de la urba kulturfako, la honora konsulo de Kartvelio en Krimeo, deputito Vladimir Strojvans, post kiuj artistoj de la filharmonio plenumis ukrainajn kaj kartvelajn kantojn. Sekvis kurta rakonto pri historio de la festivalo, kaj komenciĝis koncerto de la festivalanoj.


*enmare kun la flago*

En la dua koncerto Kim kun la ensemblo DVS dancigis ĉiujn sur la urboplaco. Kaj en la lasta koncerto partoprenis ankaŭ la plej bonaj krimeaj bardoj, inter kiuj estis laŭreato de Gruŝin-festivalo Konstantin Frolov, kies multaj kantoj sonas ankaŭ en Esperanto.

Krom la koncertoj, ekskursoj kaj turistaj marŝoj okazis prelego de Kim Henriksen pri la rok-muziko en Espe-

ranto kaj aliaj aranĝoj.

Dum la festivalo tute forestis iuj ajn E-kursoj, kiujn oni kutime proponas dum ĉiuj E-aranĝoj. Ni opinias, ke kurtaj E-kursoj por novuloj nur kontentigas ilian scivolemon, sed ne instigas ilin plu studi la lingvon. Paroliga E-kurso por la progresantoj certe valorus, sed en Jalta estas tiom da allogaĵoj por la festivalanoj, ke por tio ne restas tempo (eble, nur se organizi tion surplaĝe). Tamen estus bone organizi en la urbo intensan E-kurson ĵus antaŭ la festivalo, kion ni planas efektivigi sekvajare.

Komence de majo en Jalta okazas ankaŭ alia aranĝo – E-festivalo "Aroma Jalta", kiun ĉiujare organizas kievaj esperantistoj. Ĝia titolo ne respegulas la veran situacion, ĉar ĝi estas fakte nur E-kursaro, tamen bona. La aranĝo estas destinita por plialtigi lingvan nivelon de esperantistoj, tial en la urbo pri ĝi scias nur esperantistoj. Ni konsideras, ke ju pli da esperantistoj aperados, des pli valora estos la aranĝo. Do la du aranĝoj en Jalta helpas reciproke unu la alian. Tamen, same kiel dum la festivalo, kurta E-kurso por komencantoj estas laŭ nia opinio sen- kaj eĉ malvalora. Ni konvinkiĝis, ke tiu kurso estas tiom formala, ke la diplomojn post la ekzamenoj ricevas homoj eĉ tute nenion ellernintaj.

Por la improvizaj koncertoj sur la kajo ni decidis aĉeti porteblan aparataron, ĉar ĉi-jare niajn kantistojn malhelpis apudaj muzikistoj, uzintaj la aparataron.

La festivalo jam alportas fruktojn ankaŭ al nia klubo: pli kaj pli da jaltanoj deziras lerni la lingvon, la klubo pligrandiĝas kaj juniĝas.

***Jefim Zajdman (Ukrainio)***

## KIAM LA ANIMO KOMFORTAS…

*(rememoroj pri RET-05)*

Hodiaŭ posttagmeze mi ekdormis kaj sonĝis: mi sidas ĉe lignofajro kaj kantas kun geamikoj Esperanto-kantojn. Estas nokto, niaj gigantaj ombroj tremas sur la foliaro de ĉirkaŭstarantaj arboj kaj pro ekflamoj de la fajro iĝas jen pli, jen malpli klaraj… Somera nokto, puraj steloj en nigra ĉielo, freŝa venteto, blovanta de malantaŭe en niajn dorsojn. Ne ĉiuj kantas, kelkaj silentas – ĉu forgesis la vortojn, ĉu simple aŭskultas la fluan nelaŭtan kantadon, kelkaj agrable dormetas. La animoj komfortas, lulitaj per unika, tipe rusa etoso de E-tendaro…



Post la vekiĝo mi ne tuj komprenis, kie mi estas, kaj ĉagreniĝis post rekonsciiĝo: la tendaro bedaŭrinde finiĝis, mi estas hejme, en la



Vladimir Andrejeviĉ Zuev

kutima, rutina ĉirkaŭaĵo.

La ĉi-jaraj rusiaj Esperanto-tagoj okazis en infana ripozejo apud la antikva urbo Jelec, en arbaro apud negranda pitoreska rivero Vargol. Brasika kampo apud la tendaro, proksima lago kun apuda ĝardenego de pomarboj (pomojn frandis ĉiu, kiu ne pigris kolekti ilin) kaj konstante brilanta suno dum longaj tagoj – jen la kulisoj de RET-05.

Alveninte per moskva trajno je la 5-a matene al Jelec, mi tuj mergiĝis en la E-etoson: pli ol deko da esperantistoj vigligis ankoraŭ dormantan jelecan stacidomon. Mi veturis al Daŝa kaj Seva Ivaniŝĉenko – juna, entuziasma kaj gastama familio, kie mi trovis aliajn, ankoraŭ dormantajn esperantistojn. Post matenmanĝo ni per buso veturis en la tendaron.



Oljga Merkulova kun la filino Liza

Min surprizis amaso da gejunuloj en RET, kontraste al renkontiĝoj en Eŭropo, kie oni kutime vidas multe pli aĝajn homojn kun griziĝintaj haroj. Junaj jelecanoj (inter ili studentoj, lernantoj) aktive partoprenis la renkontiĝon: prezentis rusan popoldancadon en belaj popolroboj kaj originalan modernan dancon kun kandeloj, organizis, precipe matene – por ke oni vekiĝu, viglajn kaj amuzajn ludojn.

Pli aĝan generacion prezentis Nina Nikolajevna Zujeva, kiu kun sia edzo kaj junaj helpantinoj Olja kaj Liza Merkulova-j senlace zorgis pri organizado kaj ebla komforto de ĉiuj partoprenantoj. Pri la ĝenerala organizado, planado de la programo, gvidado de apartaj aranĝoj kaj pri multaj-multaj aliaj rutinaj, sed vivnecesaj zorgoj okupiĝis la senlaca kaj ŝajne ĉiopova Garik Kokolija. La komputilan servon prizorgis la ĉiam bonhumora kaj hel-



"Lapaduj"

popreta Gena Basov, kiun mi lastfoje vidis, kiam mi estis ankoraŭ komencantino.

El multaj vidindaj programeroj al mi tre plaĉis la poezia vespero (okazinta ĉe kandel-lumo), dum kiu preskaŭ ĉiuj partoprenantoj deklamis versojn parkere. Saŝa Morev dek-lamis propre verkitajn versojn, kiujn tre ŝatis la publiko. La plej amuzan versaĵon, laŭ mi, prezentis V.A.Zujev. Du versaĵojn prezentis ankaŭ Garik. Mi estis agrable surprizita, ke tiom multaj homoj ŝatas la Esperanto-poezion kaj ĝenerale la literaturon.



*Aleksandr Kalaŝnikov*

La libroservo, bedaŭrinde, preskaŭ mankis: la kelkaj vendataj libroj, lernolibroj kaj vortaroj (ĉio tute nova, antaŭnelonge aperinta) estis fulmrapide aĉetitaj, kaj per tio la libroservo finiĝis.

Al mi persone tre plaĉis la sporta parto de la aranĝo: oni multe sportumis, ludis volejbalon, tablotenison, ŝakon kaj damludon. Volejbalon ni ludis nudpiede sur la herbejo, dispremante jen tie, jen ĉi tie la lastajn fragoberojn… Ankaŭ aliaj pro-grameroj estis interesaj kaj vizitindaj: ekskursoj, diskutrondoj, koncertoj, literaturaj prezentoj, lernado de kantoj, aŭkcio, raportoj pri UK kaj aliaj E-aranĝoj. Bedaŭr-inde, oni ne povis ĉion partopreni!

Aparte ĝuindaj estis noktoj ĉe lignofajro kun Nikolaj Terentjev, kiu kun sia edzino Galja konas parkere centojn(?!) da kantoj kaj kapablas senlace gitarludi kaj kanti ilin kun geamikoj.

Mi, kiel verŝajne kelkaj aliaj, ege ŝatis "post multaj jaroj" denove vidi malno-vajn konatojn kaj konatiĝi kun la kreskanta generacio de juna, kreema esper-antistaro. La tendaro ne estis multnombra kaj bombasta, ĝi estis hejmeca, komforta kaj ripoziga.

La lastan tagon mi, sub gvido de zorgemaj jelecanoj, ankoraŭfoje vizitis la ur-bon kaj la malno-van monaĥejon sur monteto, de kie ni dum sunsubiro ĝuis belan elrigar-don al Jelec kun ĝiaj multnombraj kupoloj de malno-vaj preĝejoj.




***Lena Karpunina***
***(Germanio)***



## tRA Siberio

Elpensante la projekton mi eĉ ne povis imagi, kiom da impresoj ricevos la partoprenantoj. Vidindaĵoj estis sur fotoj, priskribitaj en kurta informo sur nia retpaĝo, tamen ili estis nur vortoj "Bajkalo", "Stolbi". Kiam mi mem ekvidis "Stolbi" mi estis nekredeble impresita. Pri Bajkalo eĉ vortoj ne sufiĉas. Mi dankas ĉiujn organizantojn kaj helpantojn. Do, mi rakontu laŭvice.

**Novosibirsk**

(Mi mem loĝas ĉi tie, tamen ĝis nun ne vidis kaj ne sciis multon.) Naskiĝdato: 1904. Ekskursoj: tra la urbo, en Botanika ĝardeno. Mirindaĵo: Bonsaj-ĝardeno.

Al Novosibirsko venis nur tri gastoj el tri diversaj urboj. Do, la projekto startis. Ni montris al la gastoj nian urbon, Akademian urbeton kaj tie havis kunvenon kun lokaj esperantistoj. La etoso estis agrabla, ni E-ludis kaj babilis.

**Tomsk**

Naskiĝdato: 1604. Ekskursoj: tra la urbo, al la muzeo de arbaro. Mirindaĵo: la monumento "A.P.Ĉeĥov vidata per la okuloj de ebria viro, kuŝanta en kota kavo kaj neniam leginta "Kaŝtanka"".

Pri Tomsko restis nur tre-tre agrablaj rememoroj. Ĉio estis perfekta: programo, loĝado, manĝado. En Tomsko loĝas vere gastamaj homoj, gajaj esperantistoj. Kuna kantado kaj ludado ĉe lignofajro havis familian etoson.




**Novokuzneck**

Naskiĝdato: 1614. Ekskursoj: tra la urbo (busa), al la muzeo de aluminia uzino, al Kuznecka fortikaĵo; ni spektis programerojn de la urba festo de metalurgiistoj. Mirindaĵo: sporta festo.

Nu, kial mi povas diri, ke sporta festo estis mirindaĵo por mi? Unue, mi sentis min kvazaŭ dum sovetia tempo: spirito de laboremaj homoj vivas! Due, mia filino partoprenis konkuron inter infanoj de metalurgiistoj kaj ricevis donacon. Trie, mi neniam antaŭe vidis tiom multe da fortaj, belaj viroj kune! En Novokuznecko ne estis unu granda kunveno de

esperantistoj, tamen diverstempe nin vizitis pluraj.



**Krasnojarsk**

Naskiĝdato: 1628. Ekskursoj: tra la urbo, al Krasnojarska HES, al Krasnojarska maro, al la rezervejo "Stolbi", al la muzeo de Surikov. Mirindaĵo: la rezervejo "Stolbi".

Nekredeble bela kaj vasta urbo! 127 fontanoj! Ĉirkaŭita per montoj, dividita per la belulo Jenisej, Krasnojarsko impresis min. La plej riĉa je vidindaĵoj. Aperis deziro ankoraŭfoje ĉion ekvidi. En Krasnojrsko ni partoprenis kunvenon de esperantistoj en la E-klubo.

**Irkutsk**

Naskiĝdato: 1686. Ekskursoj: tra la urbo. Mirindaĵo: Monumento al la caro Aleksandro la 3-a (fondinto de la transsiberia fervojo).

Vespere, kiam ni venis, pluvegis. Nia ligna hoteleto staris apud la bela Kazana katedralo. Ni havis nur matenon por trarigardi la urbon. Unuvorte: galope. Tre interesa kaj patriarkeca urbo, nek okcidenta, nek orienta: mikso de stiloj. Pri la mirindaĵo: konsentu, ke monumento al caro – netipa monumento por nuna Rusio. En ĉiu urbo ni trovis monumentojn de Lenin, tamen al caro – nur en Irkutsko!

**Bajkal**

Grandeco kaj beleco de la lago certe gravas, tamen mi povas diri ankaŭ, ke ĝi estas fortega energia fonto. Dekomence oni rigardas kiel turisto kaj nur rimarkas puran akvon, belajn florojn, montojn, rokojn, arbojn. Oni promenas, naĝas, manĝas fiŝojn el la lago… kaj sentas sin ordinare. Iom poste, oni kvazaŭ haltas kaj – eksentas sin kaptita de Bajkalo. Oni sentas ke ĝi estas viva, oni subite komencas sin konsideri ŝtono, kuŝanta apud ĝi dum milionoj da jaroj. La naturo ŝajnas tiom sovaĝa, montoj – plenaj de spiro. Oni per haŭto prenas sukon, akvon, abrar-odoron, oni pleniĝas per pureco de la naturo, kaj la animo kvazaŭ fluganta birdo revas nur pri ebleco denove reveni al tiuj ĉi rokoj.

***Katerina Arbekova (Novosibirsk)***



# Bulteno de REU

## REJM POVAS ALIĜI AL REU

REJM-kunveno, okazinta dum IJK en Pollando, turnis sin al REU kun la peto pridiskuti la eblecon de unuiĝo de du organizoj.

Dum aŭgusto-septembro tiuj kondiĉoj estis pridiskutitaj dum kelkaj personaj renkontiĝoj inter REJM-komisiito pri tiu demando Anatolij Krasnokutskij kaj estraranoj de REU.

Ni venis al la propono, ke la du organizoj povus unuigi siajn membrarojn – tiel, ke ĉiuj junaj homoj, kiuj aliĝas al REU, aŭtomate iĝus membroj de REJM kaj novaj REJM-anoj havus la rajtojn de REU-membroj. REJM tiukaze iĝus junulara sekcio de REU, sed konservus sian statuton, memelektitan komitaton kaj apartajn financojn.

Nun la Estraro de REU atendas respondon de la REJM-komitato (aŭ rezultojn de REJM-referendo, se oni decidos ĝin okazigi).

Intertempe REU proponis, ke pri la sekvajaraj junularaj aranĝoj (EoLA kaj OkSEJT) zorgu la Aranĝa komisiono de REU (kiu antaŭ la definitiva respondo faras tion neoficiale, ĉar tiom gravaj aferoj ne povas atendi finfinan reaktiviĝon de nia junulara organizo).

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## AGO-SEMAJNO EN TIĤVIN

Pro lokaj balotoj ĉiuj amaskomunikiloj, kulturdomoj k.a. en Tiĥvin estis mobilizitaj ĝis la 9-a de oktobro. Do Tiĥvina E-klubo komencis la Ago-semajnon lunde, la 10-an de oktobro:

– lunde, la 10-an kaj vendrede, la 14-an okazis vicaj lecionoj en E-kurso por komencantoj, gvidataj respektive de Oljga Tiĥomirova kaj Margarita Bistrova;



– marde, la 11-an okazis la unua seminaria kunveno por tradukemuloj (5 personoj), gvidata de M.Bronŝtejn;

– merkrede, la 12-an la ĵurnalo “Divja” (5000 ekz.) aperigis artikolon de A.Belov “Esperanto: prisojedinjajtesj!” (Esperanto: aliĝu!) pri partopreno de tiĥvinanoj en REK-EoLA kaj en UK, iliustrinte ĝin per komuna foto de REK-partoprenantoj; la teksto troveblas en la ttt-ejo de Tiĥvina

E-klubo <www.tiek.narod.ru>;

– ĵaŭde, la 13-an la prezidanto de la E-klubo V.Kandalinskij estis invitita en la Urbodomon. Okazis konversacio inter li kaj la respondeculino pri sociaj unuiĝoj rilate la kunlaboron de tiĥvinaj esperantistoj kaj la Urbodomo en 2005-2006;

– sabate, la 15-an por plenplena salono de la urba kulturpalaco okazis koncerta programo "Konstelacio de talentuloj". Oljga Tiĥomirova estis varme akceptita kun sia kanto en Esperanto "Du steloj";

– dimanĉe, la 16-an okazis vica provludo de la ensemblo "Espero" (gvidanto Vera Vlasova), celanta preparon de nova kodisko.

***Viktor Kandalinskij (Tiĥvin)***

## KONKURSO PRI INFORMILOJ

En julio REU anoncis konkurson pri modelaj informiloj pri Esperanto en la rusa lingvo. Por la konkurso venis kelkaj kontribuoj de du kontribuantoj – Anna kaj Mati Pentus (Moskvo) kaj Vjaĉeslav Roĵdestvenskij (Ĉeljabinsk). Koran dankon al la partoprenintoj! La rezultoj de la konkurso estos anoncitaj en la sekva numero de "Bulteno de REU".

## LINGVOPOLITIKAJ ASPEKTOJ DE LA PLIVASTIĜO DE EŬROPA UNIO

***la kvara Nitobe-Simpozio, Vilno, la 30-an de julio – 1-an de aŭgusto 2005***

### ***KONKLUDA DOKUMENTO***

#### Kunteksto

Inter la multaj demandoj levitaj de la plimultigo de la membraro de la Eŭropa Unio estas la demando pri lingvoj. Kvankam la Traktato de Romo antaŭvidis egalecon de statuso por la naciaj lingvoj en la institucioj de EU, konsiderinde altiĝis la baroj al efektivigo de tiu principo, en la nuna situacio de 25 ŝtatoj-membroj kun 21 oficialaj lingvoj, pli ol 25 regionaj kaj minoritataj lingvoj, kaj multaj iom grandaj enmigrintaj lingvokomunumoj, ĉiuj kun tre diversaj nombroj de parolantoj. Sen atenta, sistema kaj bone financata aliro al mastrumo de la multlingva karaktero de EU, la lingvoj kaj kulturaj valoroj de iuj el la pli malgrandaj ŝtatoj kaj neŝtataj lingvogrupoj povus minaciĝi, kun sekva kompromito de la principo de egaleco inter EU-membroj kaj malfermiĝo al novaj specoj de konflikto kaj lukto en kaj inter nacioj.

Tiu situacio estis fokuso de la Kvara Nitobe-Simpozio, organizita de la Centro de Esploro kaj Dokumentado pri Mondaj Lingvaj Problemoj en kunlaboro kun la Komitato pri Eŭropaj Aferoj de la Litova Parlamento, la Akademio de Sciencioj de Litovio kaj la Universitato de Vilno. Pli ol 70 partoprenantoj el pli ol 20 landoj, inkluzive de naŭ novaj ŝtatoj-membroj de EU, kunvenis por esplori la diversajn politikajn alternativojn kaj serĉi unuanimecon pri kelkaj bazaj rekomendoj pri la lingvopolitiko de EU sub la novaj kondiĉoj.

#### Zorgoj

La simpozianoj komune esprimis fortan apogon al la procezo de eŭropa in-

tegriĝo, kaj precipe al la streboj disvolvi justan, demokratan kaj altkvalitan komunikadon inter ĉiuj eŭropanoj. Ili ankaŭ dividis la kredon, ke la aktuala lingvopolitiko de EU, aŭ en la EU-institucioj mem, aŭ je la nivelo de naciaj registaroj, estas neadekvata por atingi tiujn celojn. La jenaj problemaj evoluoj ŝajnas larĝe disvastigitaj tra EU:

- neglekto de lingvaj demandoj en la politika decidofarado sur terenoj kiel ekzemple supera edukado, sciencaj esploroj, kaj amaskomunikiloj, kun negativa efiko je la valoroj kaj bezonoj de malgrandaj naciaj kaj nenaciaj lingvokomunumoj;
- tolero aŭ kultivo de normoj de lingva praktiko, kiuj kontraŭas la principojn de multlingvismo kaj lingva egaleco, ofte estigante situaciojn en kiuj homoj kun limigita aŭ nenia rego de la angla lingvo ne povas partopreni egalece en la politika decidoprocezo en EU;
- troa dependo je ekzistantaj lingvorilataj institucioj kaj ideoj, kiujn oni ne evoluigis por alfronti demandojn en eŭropa aŭ tutmonda kunteksto – tendenco kiu refortigas persistan mankon de lingvaj konscio kaj faka kono en registaroj je ĉiuj niveloj;
- rimarkinda redukto de la instruado de lingvoj aliaj ol la angla, malpliiganta la ŝancojn ke eŭropanoj akiros profundajn komprenon kaj estimon de la kulturoj de najbaraj landoj, kaj refortiganta eksterproporcian ĉeeston de britaj kaj usonaj kulturaj produktoj tra EU;
- evito de malferma publika diskutado de lingvopolitiko, kaj precipe de realecaj alternativoj al la nuna situacio de oficiala sed dubkvalita multlingvismo ligita al la nereguligita kaj neegaleca disvastiĝo de la angla.

> Dialogo en malsanulejo:
> – Saluton, senpaga kuracisto!
> – Saluton, senespera malsanulo!
> (el "Komencanto")

En la kunteksto de la 25-membra Eŭropa Unio, simpozianoj opiniis ke tiuj lingvopolitikaj malfortoj tendencas subfosi la lingvojn de la pli malgrandaj ŝtatoj. Simpoziaj prelegantoj atentigis pri la ekzisto de signifaj ekonomiaj kaj politikaj ŝarĝoj truditaj de la nuna sistemo al la parolantoj de tiuj lingvoj, kaj ili esprimis timon, ke tio longperspektive kondukos al la perdo de statuso kaj vivanteco de ĉiuj lingvoj escepte de la plej grandaj.

**Agaddirektoj**

Kvankam ili pledas por vasta gamo de ideoj kaj prioritatoj en la traktado de tiuj problemoj, partoprenantoj de la simpozio interkonsentis pri la sekvaj kvin ĉefaj agaddirektoj.

1. *Komuna kadro.* Oni bezonas konstrueman, realisman lingvopolitikan kadron por la Eŭropa Unio de 25 landoj, kiu ekvilibrigu protektadon kaj aprezadon de lingva diverseco kun la bezono de efika, altkvalita komunikado inter ĉiuj civitanoj de EU. Partopreno de larĝa gamo de individuoj kaj institucioj, reprezentantaj multajn diversajn perspektivojn kaj interesojn, estos nepre necesa por realigi tian vizion.

2. *Publika kaj politika debato.* Por estigi la bezonatan politikan volon subtene al tia komuna kadro, necesas multe pli da klopodoj por altigi la nivelon kaj intensecon de la prilingvaj debatoj publikaj kaj politikaj. La malavantaĝoj de la nuna sistemo, la investitaj interesoj kiuj subtenas ĝin, kaj aro da pozitivaj politikaj alternativoj bezonas vortumadon en manieroj kiuj ebligas diskutadon inter ordinaraj homoj, raportadon fare de ĵurnalistoj kaj konkretajn elpaŝojn flanke de elektitaj deputitoj. Gravas disvolvi longdaŭrajn politikajn interesgrupojn kaj koaliciojn por alstrebi lingvan egalecon, diversecon kaj vivipovon.
3. *Diversaj solvoj.* En la evoluigo de komuna lingvopolitika kadro, necesas atenti almenaŭ jenajn kvin agadkampojn, el kiuj ĉiu povus postuli malsaman kombinon de solvoj kaj iom malsaman politikan strategion:
   - internan kaj profesian komunikadon de EU-instituticioj, kio intime ligiĝas al la profesia kulturo kaj la memregado de la institucioj mem;
   - oficialan komunikadon de EU-institucioj kun civitanoj kaj registaroj, kion reguligas la politikoprocedo de EU inkluzive de ŝtatoj-membroj, la Konsilio de Ministroj kaj la Eŭropa Komisiono, ktp.;
   - mastrumon de la lingva situacio de la ŝtatoj-membroj de EU, kio estas sub jurisdikcio de naciaj parlamentoj kaj fine respondas al la demokrata procedo;
   - mastrumon de komunikado kaj kulturaj rilatoj, interne de EU, flanke de grandega gamo de publikaj, profesiaj, komercaj, neregistaraj kaj privataj organizaĵoj kaj institucioj, kies lingvopolitikoj estas plejparte memstaraj sed ofte forte limigitaj de ekonomiaj kaj politikaj faktoroj;
   - eksteran komunikadon de EU-institucioj kaj ŝtatoj-membroj kun neeŭropaj ŝtatoj kaj internaciaj organizaĵoj, kio estas influata de kuntekstoj same tutmondaj kiel lokaj, kaj siavice povas havi implicojn por politikaj decidoj ene de EU mem.
4. *Alternativaj vizioj.* La evoluigo de komuna kadro kaj de politikaj solvoj en difinitaj kuntekstoj profitos el informita publika debatado pri konkurencaj vizioj de la lingva estonteco de la Eŭropa Unio. Inter la vizioj atendantaj formuladon kaj ellaboron estas la jenaj:
   - vizioj, kiuj tiras konkludojn el diversaj modeloj de multilingvismo tra la mondo por pli bone kompreni la dinamikon kaj potencialajn fortojn kaj malfortojn de la EU-lingvosistemo, kaj ĝian lokon ene de tutmonda lingvosistemo;
   - vizioj, kiuj difinas kaj defendas la statuson kaj bezonojn de malgrandaj naciaj kaj ne-naciaj lingvokomunumoj, kaj indiĝenaj kaj enmigraj, ene de EU;
   - vizioj, kiuj disvolvas politikajn rimedojn por certigi ke iu ajn vaste uzata interlingvo ne subfosu la pluvivipovon de la naciaj lingvoj, la egalecan traktadon de ties parolantoj en EU-institucioj, kaj la konservadon de kultura diverseco;

- vizioj, kiuj esploras la potencialan rolon de Esperanto ene de komuna lingvokadro de EU, precipe en rilato al ĝiaj ekonomiaj avantaĝoj kiel pivota lingvo en tradukado kaj interpretado, ĝia efikeco kiel enkonduko al lingvolernado, kaj ĝiaj meritoj sur la kampo de interkultura komunikado;
- vizioj, kiuj projekcias la estontan disvolviĝon de lingva kaj komunika teknologio, kaj de novaj sistemoj de fremdlingva edukado, kaj iliajn potencialajn sekvojn en lingvo-lernado kaj -uzado ene de EU.

5. *Politika kaj fakula kunlaboro.* La Kvara Nitobe-Simpozio konsistigis unu el la unuaj okazoj, kie politikistoj kaj fakuloj el plimulto de la ŝtatoj de la pligrandigita EU povis diskuti komunajn zorgojn kaj prioritatojn sur la tereno de lingvopolitiko kaj komunikado. Progreso pri la demandoj skizitaj ĉi tie dependos de plua kaj plivastiĝanta kunlaboro de ĉi tiu speco, inkluzive de:
   - regulaj kunvenoj, kaj je EU-nivelo, kaj inter diversaj ŝtataj grupiĝoj, ekzemple en la formo de lingvopolitika konferenco por la malpli grandaj EU-ŝtatoj kiel oni proponis dum la Simpozio;
   - disvolvo de reto por sciencaj esploroj, kiu kunligas esploristojn pri la ekonomiko, sociologio, politiko, kaj planado de lingvoj (inkluzive i.a. de edukaj, terminologiaj kaj juraj aspektoj) kaj kiu kapablas provizi rapidajn kaj bone dokumentitajn informojn al decidofarantoj kaj al ĵurnalistoj;
   - daŭra komunikado per retpoŝto kaj aliaj rimedoj, kun la celo engaĝi kreskantan nombron de ŝlosilaj individuoj en la akademiaj, burokrataj kaj politikaj medioj de la EU-ŝtatoj, por la evoluigo de komunaj solvoj al komunaj lingvaj problemoj.

La evoluo de EU en kompleksan, novspecan formon de internacia kunlaboro postulas novajn alirojn al la mastrumado de multlingvismo kaj de efika, egaleca komunikado. La disvolvo de kapabloj sur ĉi tiu tereno, en la formo de novaj ideoj, fakaj kompetentoj kaj institucioj, estas urĝa prioritato kiu meritas atenton kaj rimedojn de la naciaj registaroj same kiel de la EU-instancoj.

**Agnoskoj**

La partoprenantoj de la Kvara Nitobe-Simpozio deziras danki la organizantojn kaj subtenantojn de tiu ĉi unua renkontiĝo, kaj precipe al la litova parlamento, pro la afabla disponigo de kunvenejo kaj interpretaj servoj, kaj al Esperantic Studies Foundation (Washington, Usono) pro ties malavara financa subteno.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 212)***

## LABORPLANO: INFORMADO KAJ INSTRUADO EN LERNEJOJ

**El la laborplano de UEA:** *UEA produktu ĝisdatajn profesinivelajn informmaterialojn pri Esperanto kaj ĝia movado – kiujn oni povus utiligi por produkti proprajn nacilingvajn informilojn kaj transdoni al ĵurnalistoj, lingvistoj, simplaj interesiĝantoj... – kaj prizorgu ilian disvastigon por internaciaj kaj landnivelaj uzoj.*

En <www.uea.org/informado> kaj <www.tejo.org/uea/proponataj_informiloj>

vi povas trovi informilojn, kiujn vi povas rekte utiligi aŭ adapti por viaj bezonoj. En <www.tejo.org/uea/tekstoj_de_Claude_Piron> troveblas la ligo al multenombraj tekstoj de Claude Piron en pluraj lingvoj. Ankaŭ tiuj tekstoj estas tre taŭgaj kiel bazo por informiloj.

La teksto pri eŭropaj lingvaj problemoj farita en Hungario troveblas ĉe <www.tejo.org/uea/dokumentoj_pri_informado_de_landaj_kaj_fakaj_asocioj>.

Viaj kontribuoj al ĉi tiu lasta paĝo estas bonvenaj, kiel ankaŭ viaj observoj. Bonvolu utiligi interalie la liston <labor-plano-de-uea@yahoogroups.com> kaj ankaŭ la novan ret-adreson <laborplano-de-uea@gmail.com>, kiu estas starigita en la kadro de la provo faciligi la komunikadon inter okupiĝantoj pri informado tra la landoj kaj la fakoj.

**El la laborplano de UEA:** *La esperantistoj daŭre laboru kun instruaj instancoj je registara kaj aliaj niveloj por ke Esperanto estu instruata je oficiala nivelo en la lernejoj de la unuopaj landoj.*

En la paĝaro <http://www.edukado.net/> denove estas eblo registri la oficialajn Esperanto-kursojn. La listo pri tiuj kursoj ebligas konstrui kunlaboron inter la samtipaj lernejoj kaj tieaj kolegoj, kaj tre utilas ankaŭ por referenci al la disvastiĝeco de la instruado de Espetanto. La aktualeco kaj amplekso de la listo estas intereso de ni ĉiuj! Momente en la datumbazo estas 56 lernejoj el 25 landoj kun entute 1182 lernantoj. Se vi gvidas oficialan kurson, bv. viziti la hejmpaĝon <http://www.eduakdo..net/> kaj tie sur la frontpaĝo vi trovos anoncon kaj detalan klarigon pri la farendaĵoj. Se vi bezonas helpon, volas peti informojn aŭ por solvi eventualajn teknikajn problemojn, bonvolu kontakti Katalin Kovats (<katalin.kovats@wanadoo.nl> aŭ <redaktanto@edukado.net>.

***Renato Corsetti (Italio)***

## UK EN RUSIO

Multaj memoras, ke en la jaro 2000 REU havis en sia laborplano la ideon inviti Universalan Kongreson de Esperanto al Rusio. La plej fruaj jaroj, por kiuj ni tiam povis kandidati, estis 2007 aŭ 2009. La aliaj jaroj jam estis antaŭplanitaj.

Do, jam en 2001 montriĝis, ke REU malgajnas tiun malproksiman 2007-an jaron al japanaj esperantistoj, kiuj komencis prepariĝi multe pli frue kaj multe pli intense. Jam en 2001 ili prezentis al UEA kompletan planon de la kongreso, kun ĉiuj bezonataj detaloj kaj subtenoj. Tio estis ege frue ankaŭ por UEA, sed la bonega laboro estis aprezita kaj oni transdonis al japanaj esperantistoj la rajton okazigi UK-on en Jokohama en 2007.

Nun la Estraro de REU denove esploras pri la invitado, jam por 2009 (la invito por ĝi devus esti prezentita al UEA ne malpli frue ol printempe 2006). Ĉi-foje ni ne havas tiom fortan konkuranton (aŭ ni simple ne scias pri tiu). Aliflanke, se ni ial ne sukcesos pri 2009, ni povos tuj ekkandidati por 2010.

Universala Kongreso ankoraŭ neniam en sia 100-jara historio okazis en Rusio, kaj nature UEA estas interesita pri tio, ke ĝi finfine ĉi tie okazu. Ja Rusio multon donis al Esperanto-movado.

Kio bezonatas por la invito?

Malgraŭ pluraj opinioj, eĉ ne estas nepre, ke en la invitanta lando estu forta kaj amasa E-movado. Pli gravas, ke ĝi estu aktiva kaj unueca. UK-oj plurfoje okazis en la landoj, kie Esperanto ne tro fortas – ĝuste por subteni la movadon tie.

Tre gravas la taŭga loko – UK estas grandega kunveno eĉ laŭ ekster-Esperantuja vidpunkto. Ekz. por Vilno ĉi-jara UK estis la ĝis nun plej granda internacia aranĝo. Por gastigi 2-3 mil personojn estas bezonataj grandegaj kongresaj salonoj, pluraj diversnivelaj hoteloj, ekskursaj eblecoj (la homoj ja venas propramone, oni volas samtempe turismi). Krome bezonatas ŝtata subteno, ekzemple oni petas garantii, ke ĉiuj kongresanoj povos ricevi la vizojn por partopreni la kongreson. K.t.p.

En Rusio nur tre malmultaj urboj havas ĉion necesan por akcepti Universalan Kongreson: kongresejojn, hotelojn, vizitindajn turismaĵojn. Fakte, preskaŭ ĉiuj niaj urboj restas ekster la listo de kongres-taŭgaj.

Nur en Moskvo, Peterburgo kaj Soĉi estis trovitaj ĉiuj necesaj antaŭkondiĉoj. Nun la Aranĝa komisiono de REU komencis helpe de lokaj e-istoj kolektadi pli detalajn informojn en tiuj urboj, por ke poste surbaze de tiuj esploroj estu farita la fina elekto de la kandidata urbo.

***Andrej Grigorjevskij (Ŝumerlja)***

## JUBILEO DE LA CO KIEL TEMO EN LA MALFERMA TAGO

Antaŭ 50 jaroj, en novembro 1955, la Centra Oficejo de UEA translokiĝis el la apud-Londona vilaĝo Heronsgate al la havenmetropolo Roterdamo. Tiun datrevenon atentos la venonta Malferma Tago de la CO sabate, la 26-an de novembro. Historiisto Ziko Sikosek prilumos tiam en sia prelego la historion de la ĉefaj sidejoj de la monda organizaĵo ekde Ĝenevo ĝis Roterdamo. Li ankaŭ intervjuos iamajn oficistojn, interalie John Rapley, kiu estis la lasta direktoro en la oficejo en Heronsgate, kaj Victor Sadler, kiu dum du jardekoj laboris en la Roterdama oficejo. Apud historiaj trarigardoj oni ankaŭ ne forgesos la aktualajn taskojn kaj defiojn de la Asocio, pri kiuj parolos la prezidanto Renato Corsetti.

Kiel tradicie, la vizitantoj povos profiti de rabatoj en la Libroservo kaj gajni esperantaĵojn en senpaga loterio. Kafo kaj teo, ankaŭ senpagaj, estos varmaj la tutan tagon. La Malferma Tago daŭros de la 10-a ĝis la 17-a horo.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 216)***

## UEA DENOVE HAVAS PLI OL 6000 INDIVIDUAJN MEMBROJN

La refortiĝo de UEA atingis gravan mejloŝtonon en septembro, kiam la Asocio denove nombris pli ol 6000 individuajn membrojn, unuafoje post la jaro 2001. La 30-an de septembro la membronombro jam estis 6014, kio superas per 158 la definitivan nombron de la pasinta jaro. Kompare kun septembro 2004 la kresko estas 399. La Centra Oficejo antaŭvidas, ke la fina nombro de individuaj membroj estos ĉi-jare ĉ. 6200.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 216)***

## NOVAJ REU-ALIĜOJ POR 2005

**ALIĜINTA KOLEKTIVO**

**Moskva EK MASI** (+3 aligitaj membroj): *Sigaĉov Aleksandr, Spolvind Dmitrij, Masljonkina Natalja*

**INDIVIDUA MEMBRO**

*Bojĉin J. (Birobiĝan)*

## KOTIZOJ DE REU POR 2006

**Individua kotizo** – 80 rubloj (por eksterrusiaj loĝantoj – 8 eŭroj), inkluzivas la membrokarton, Jarlibron kaj/aŭ Manlibron de REU, REU-bultenon kaj aliajn informojn de REU, voĉdonrajton en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj.

**Dumviva kotizo** – 2000 rub. (por eksterrusiaj loĝantoj – 200 eŭroj) – ĉio la sama dum la tuta vivo.

**Familia kotizo** – 30 rub. (la membrokarto, voĉdonrajto en REU-Konferenco, rabatoj ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj).

**Rabatita individua kotizo** – nelaborantaj gejunuloj kun la aĝo malpli ol 26 jaroj pagas 50% de la kotizo.

**Kolektiva kotizo** – 30 rub. por ĉiu aligita membro (la aliĝintaj kolektivoj pagas minimume por 5 aligitaj membroj), inkluzivas po 1 ekzemplero de REGo kaj Jarlibro de REU por ĉiu komenciĝinta deko de la aligitaj membroj, aliajn informojn de REU por la kolektivo; la membrokartojn, voĉdonrajtojn en REU-Konferenco, rabatojn ĉe uzo de REU-servoj kaj en E-aranĝoj por la aligitaj membroj.

**Aliĝkotizo** – 160 rub., unufoje pagata de nova aliĝinta kolektivo. La jamaj aliĝintaj kolektivoj ne pagas ĝin. La nova kolektivo iĝas regiona organizaĵo de REU kaj laŭpete ricevas dokumenton pri tio. Se la organizaĵo ne pagas kotizojn por aligitaj membroj dum du sinsekvaj jaroj, ĝi estas konsiderata likvidiĝinta kaj poste devus denove aliĝi.

**Rabatita abono de REGo** – 120 rub. (ekster Rusio – 15 eŭroj), por ĉiuj membroj, escepte de la aligitaj kaj familiaj. La dumvivaj membroj, kiuj pagis sian kotizon en 2001-2003, plu ricevados REGon sen aldona pago.

*Membroj de REU aŭtomate iĝas aligitaj membroj de Universala Esperanto-Asocio.*

Aliĝilon kaj (poŝtmandate) rublajn kotizojn sendu al: **Чертилову Михаилу Константиновичу, а/я 21, Одинцово-6, 143006 Московская область.** La eŭraj kotizoj pagendas al la konto **reua-p** ĉe UEA. **(**Pri pliaj pagmanieroj informiĝu ĉe Mikaelo Ĉertilov rete <kasisto@reu.ru>, telefone +7-916-2019437 aŭ poŝte laŭ la supre indikita adreso).

# Eksciu, ke...

## KUNVENO EN TIĤVIN

De la 18-a ĝis la 22-a de septembro Tiĥvina E-klubo akceptis gastojn – esperantistojn el Herouville St.Clair, Francio. La francoj venis por partopreni seminarion pri kunlaboro de ĝemelurbaj E-kluboj, tamen plenvalora seminario ne okazis, ĉar reprezentantoj de du aliaj ĝemelurboj de Tiĥvin (Imatra, Finnlando kaj Trosa, Svedio) lastmomente anoncis sian nevenon. El la seminaria programo estis efektivigita laborkunveno en la Urbodomo – sufiĉe utila duhora konversacio. Ĉeesto de la raportisto de loka ĵurnalo "Divja" kaŭzis aperon de ĉi-suba artikolo.

*"Esperanto estas lingvo de estonteco.*

*Renkontiĝo de esperantistoj el la ĝemelurboj Herouville Saint-Clair kaj Tiĥvin okazis en la malgranda salono de la urbodomo. Estis antaŭplanita pli vasta kunveno, sed Esperanto-posedantoj el la ĝemela Imatra (Finnlando) ne sukcesis alveni pro okupiteco pri propra, skandinavia forumo de esperantistoj. En la renkontiĝo ĉeestis: ĉefa fakulo pri eksteraj ligoj kaj internaciaj programoj de MF "Tiĥvinskij rajon" E.V.Smirnova, partoprenantoj de loka "Esperanto-klubo" kaj de amikecsocieto "Tiĥvin – Herouville St. Clair".*

*Dum la renkontiĝo oni parolis en tri lingvoj, kaj ĉefe pri tio, ke la ĝemelaj ligoj de niaj urboj devas vastiĝi, tuŝi diversajn agadsferojn kaj enhavi ne nur kreon de komunaj projektoj sur la urbestra nivelo sed ankaŭ komunikadon de ordinaraj civitanoj de niaj urboj. Venkon de lingvaj baroj helpos lernado de Esperanto. En Herouville la asocio de esperantistoj havas 35 membrojn, en Tiĥvin – iom malpli. Ni havas funkciantajn kursojn por lernado de tiu lingvo. Eblas diri, ke Esperanto estas ne nur lingvo, sed vivmaniero por homoj agemaj, aktivaj. Esperantistoj de la tuta mondo konstante interkomunikiĝas. Laŭ la opinio de la gastoj el Francio, ankaŭ de tiĥvinaj esperantistoj, alproprigi tiun ĉi lingvon estas tute ne malfacile.*

*– Esperanto permesas al simplaj homoj trovi komunan lingvon, – diris Claude Ferrand, partoprenintо de la renkontiĝo.*

*J.Andrijevskaja"*

La artikolo estas akompanata de foto. Post enhavoriĉa restado en Tiĥvin la francaj esperantistoj vizitis Moskvon kaj Peterburgon. Ni kore dankas esperantistojn de ambaŭ urbegoj, kiuj organizis bonan restadon por niaj francaj amikoj.

***Viktoro Kandalinskij (Tiĥvin)***

## 22-a IF – JARFINE EN GERMANA TRIER

Karaj geamikoj, ni bonvenigas vin al nia tradicia jarfina aranĝo – Internacia Festivalo, kiu okazos de la 27-a de decembro 2005 ĝis la 03-a de januaro 2006. Niaj kotizoj inkluzivas la loĝigon en luksa ĉambro (kun duŝo kaj necesejo), tri manĝojn tage, la programon plus la silvestrajn bufedon kaj balon! Partatempa partopreno eblos laŭ apartaj kondiĉoj.

Ĝuu la internaciecon de nia aranĝo kaj konatiĝu pli detale kun la plej malnova urbo en Germanio. En niaj promenoj "dumil paŝoj tra dumiljara urbo" vi povos informiĝi pri la diversaj epokoj, ĉefe pri la romia, kaj ĝui la simpatian nuntempan centron de Trier. Ĉio sub gvido de Brian Moon, kiu ankaŭ ĉiĉeronos dum la tuttaga ekskurso al la najbara Luksemburgio, kie ni vizitos la pitoreskan urboparton kaj la vinvilaĝon Schengen, kiu famiĝis internacie pro la kontrakto de senlima vojaĝo ("ŝengena vizo"). Tie, surŝipe, oni subskribis la kontrakton en 1990.

La ejo situas apud Mozelo (kun ĉebordaj promenvojoj), nur kvaronhoron de la urba centro. Preskaŭ ĉiuj urbaj vidindaĵoj estas en promena distanco. Ni preparas interesan programon: partoprenu dumtage en prelegoj pri la kadra kaj aliaj temoj aŭ paralele en kursoj kaj promenoj. Ni antauvidas variajn vesperajn ofertojn, i.a. estas atendataj danc- kaj kantokvarteton el Dagestan (kun kostumoj); Mikaelo Bronŝtejn el Rusio (la konata bardo kun barbo); kaj supozeble JoMo el Francio...

Ĉu nia kadra temo "Eŭropo pligrandiĝinta" instigas vin al kontribuo? Ĉu vi deziras informi pri la rilatoj de via lando al EU? Viaj kontribuoj estas bonvenaj, ne nur pri la kadra, ankaŭ pri laŭdezira temo aŭ kurso. Nia aranĝo estas seminario por lingve spertaj personoj, baza kono de Esperanto kaj ĝia uzo estas gravaj. Laŭdezire okazos paroligaj kaj porkomencantaj kursoj, ekz-e por via partner(in)o. La infanoj ĝuos paralelan porinfanan programon sub gvido de kunlaborantoj.

Pliajn detalojn vidu en niaj interretaj paĝoj <www.internacia-festivalo.de>. Tie vi krome povas legi raportojn de partoprenintoj pri la antaŭaj IF-oj, spekti fotoalbumojn – kaj tuj aliĝi... Partoprenu ankaŭ vi en nia internacia rondo de ĉ. 160 – 200 personoj el 20 landoj. Ĝuu la faman IF-etoson en nia E-gastejo "Knajpo" – kaj gustumu niajn diverslandajn bierojn kaj vinojn, koktelojn, kapuĉinon, kafon kaj kukojn... Eblos partopreni en plilongiga tago (fakultative, ĝis la 4-a de januaro) kun vizito al romia vilao kaj vespera vinfesto. Festu novjare kun ni! Bonvenon!

***Hans-Dieter Platz, organizanto***

## KURSOJ EN BURUNDIO

En la tuta aŭgusto 2005 kaj en la unuaj 10 tagoj de septembro la konata Cseh-instruistino Tereza Kapista el Beogrado gvidis kursojn pri Esperanto en Burundio (Buĵumburo kaj Rumonge). La kursoj estas parto de la agado "Lingvo de paco", kiu siavice estas parto de la "Agado Espero" de UEA. La kurson partoprenis lernantoj de Kongo-Kinŝaso, Burundio kaj Tanzanio. Estas bone memori ke Burundio estas unu el la fajrujoj de la intergentaj militoj en la laga regiono de centra Afriko. Finance subtenis la seminariojn Fondaĵo Espero de UEA kaj Fondaĵo Hans, memoriganta pri Hans ten Hagen, unu el la plej aktivaj nederlandaj esperantistoj, kiu okupiĝis pri instruado.

En Buĵumburo estis 73 kursfinintoj: instrukapablaj 18, progresiga kurso 28, komencantoj 27. Aliaj elektis ne esti ekzamenataj. En Rumonge, pli malgranda urbo, la scenoj de entuziasmo pro la alveno de instruisto de Esperanto estis eĉ pli grandaj. Tie la nombro de kursanoj estis 70 kaj ili lernis en 4 grupoj.

La loka Esperanto-grupo per libervolaj donacoj aĉetis 2 kaprinojn kaj planas aĉeti ankoraŭ du. Post unu jaro ili eble multobliĝos. Ankaŭ Tereza Kapista aĉetis

unu kaprinon por la klubo. La prizorgado de la kaprinoj celas provizi la klubanojn per mono por aĉeti librojn, skribilojn, revuojn ktp., kaj ankaŭ por helpi pagi similajn materialojn aĉetendajn por viziti la normalajn lernejojn.

Oni invitis la instruistinon viziti kaj instrui ankaŭ en la rifuĝejoj kiuj troviĝas translime en Tanzanio, sed tio devis esti prokrastata al la venonta jaro.

En la sama periodo oni fondis la landan asocion "Association Nationale d' Esperanto au Burundi" (adreso: B.P. 170, Rumonge, Burundi), kiu jam havas klubojn en 4 urboj. La instruistino proponas, ke esperantistoj gratulu per bela bildkarto el sia urbo pro la fondiĝo de la nova asocio.

Krome, Tereza Kapista atentigas ke la nova asocio bezonas ĉion, ĉefe lerno- kaj inform-materialon en la franca, kaj ke ĝi estos tre danka pro sendado de tia materialo. Alternative oni povas donaci al la konto de la asocio ĉe UEA (kodo: aneb-d) por tiu celo.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 215)***

## INSTRUISTOJ KOLEKTIĜIS EN GERMANIO

La Unuaj Pedagogiaj Tagoj estis komune organizitaj de Germana Esperanto-Asocio (GEA) kaj Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj (ILEI) kaj sukcesis altiri pli ol kvardek fakulojn al Herzberg am Harz komence de oktobro. Du partoprenintoj venis el eksterlando (Hungario kaj Italio), la ceteraj – el preskaŭ ĉiuj partoj de Germanio. La densa programo disvolviĝis tra tri tagoj, kun dekkvino da referaĵoj kun diskutado pri plej diversaj aspektoj de instruado. La partoprenantoj devis elekti el inter tri paralelaj seshoraj kursoj: de Sabine Trenner pri Cseh-instruado, Stefan MacGill pri situacia instruado kaj Alfred Schubert pri informado. Krome okazis forumo, praktikaj dismontroj de instru-helpiloj, aŭkcio de E-libroj kaj vesperoj plenaj je kulturo kaj amuzo. Dek kandidatoj prezentis sin por la lingvo-ekzamenoj de Germana Esperanto-Instituto, kun ekzamenintoj Gerald Tucker, Zsófia Kóródy kaj Peter Zilvar. Notindas ke ok el la dek prezentis sin por la nove lanĉita supera nivelo. Paralele kun la aranĝo kunsidis la estraro de Germana Esperanto-Asocio, kio permesis altiron de kelkaj valoraj kontribuaĵoj al la faka programo. La urbestro de Herzberg laŭde salutis la aranĝon, rakontinte pri la urbo kaj pri ĝemelurba projekto kun Góra en Pollando, kiu evoluas kun Esperanto kiel la ponta lingvo.

Dum la aranĝo okazis organiza sesio por plani la reaktivigon de la landa sekcio de ILEI en Germanio, AGEI. Klaras ke multaj instruistoj ekzistas kaj agas en Germanio, sed ekster la kadro de AGEI. La kunsido nomumis kvarpersonan laborgrupon por akiri la membroliston kaj statuton de AGEI, kaj surbaze de tiuj kunvoki jarkunvenon, kun novaj elektoj dum la Germana Esperanto-Kongreso en Braunschweig en junio 2006.

Entute, bonetosa sed samtempe laboriga aranĝo, kiun oni volas organizi ĉiujare ekde nun. Pli da informoj: <www.esperanto-zentum.de>. Deko da elŝuteblaj fotoj ĉe <http://fotoalbum.web.de/gast/korody/pedtagokt05>.

***Stefan MacGill (Hungario)***



## EŬROPA TAGO DE LINGVOJ EN ODESO

La 26-an de septembro Odesa junulara E-klubo "Verdaĵo" organizis solenaĵon okaze de la festo – Eŭropa Tago de lingvoj. Ĝuste en tiu tago ni inaŭguris la renovigitan monumenton de L.Zamenhof, la unuan kaj dum longa tempo la solan sur la teritorio de eks-Sovetunio. La monumento estis kreita de skulptisto-esperantisto N.V.Blaĵkov komence de la 60-aj jaroj kaj staris en la korto de la domo 3 sur la strato Deribasovskaja, la ĉefa strato de Odessa.

Junulara E-klubo "Verdaĵo" prizorgas la monumenton, la unuan fojon ni renovigis ĝin por la 71-a SAT-kongreso, kiu okazis en Odessa en 1998. Sed la malnova monumento bezonis seriozan riparon. Kun helpo de profesiaj restaŭristoj la monumento estis plifirmigita per feraj stangoj kaj arte renovigita.

Pri la solena inaŭguro raportis du lokaj kaj unu tutlanda TV-kanalo kaj tri lokaj gazetoj. Ĉiuj raportintaj ĵurnalistoj aprobe kaj estime prezentis la lingvon Esperanto kaj ĝiajn portantojn.

***Tatajana Aŭderskaja (Ukrainio)***

## UEA INVITAS PRELEGI EN LA FLORENCA IKU-SESIO

Dum la 91-a UK en Florenco okazos la 59-a sesio de Internacia Kongresa Universitato, kie rajtas lekcii universitataj profesoroj kaj personoj kun simila kvalifiko. UEA nun invitas tiajn personojn rete aŭ papere prezenti siajn proponojn pri prelegoj al la sekretario de la IKU-komisiono, prof. d-ro Christer Kiselman, <kiselman@math.uu.se>, Poŝtkesto 480, SE-751 06 Uppsala, Svedio, plej laste 31.01.2006. Okazos ankaŭ studsesio de la Akademio Internacia de la Sciencoj (AIS) kunlabore kun UEA. Membroj de AIS povas samtempe proponi kursojn, kies unua lekcio povus esti parto de IKU. La propono enhavu (1) mallongan (ĉ. duonpaĝan) resumon de la prelego en Esperanto, (2) koncizan (ĉ. duonpaĝan) biografieton kun persona bibliografio kaj (3) foton taŭgan por publikigo. Aparte bonvenaj estos prelegoj rilataj al la kongresa temo, kiu estas "Lingvoj, kulturoj kaj edukado al daŭrigebla evoluo". La samo validas por junaj kandidatoj kaj tiuj kiuj ankoraŭ ne prelegis en iu IKU. Ĉiu preleganto devas esti kongresano kaj mem zorgi pri sia aliĝo. Prelego estos rekompencita per modesta honorario. Ĉiu proponinto estos informita pri la decido de la Estraro de UEA plej laste 15.04.2006 kaj, kaze de akcepto, sendu sian tekston al la Centra Oficejo plej laste 31.05.2006. Ĉe la ttt-ejo <http://uea.org/dokumentoj/iku_regularo.html> troviĝas la IKU-regularo.

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 215)***

## 4-A NOVJARA RENKONTIĜO EN GERMANIO

La tagoj iom post iom mallongiĝas, jen kaj jen la suno ankoraŭ varmigas nin kaj niajn animojn – sed tre antaŭvideble kaj senteble alrampas la aŭtuno kaj fine venos la vintro. Kaj en la koroj de multaj Esperanto-parolantoj pli kaj pli ĝermas la demando: Kie ni pasigu la tagojn ĉirkaŭ Novjaro? Eble vi ŝatos partopreni ĉi-foje en la 4-a Novjara Renkontiĝo de la 28-a de decembro 2005 ĝis la 8-a de januaro 2006 en Frankfurt/Main.

Pasintjarfine sukcese okazis la tria Novjara Renkontiĝo (NR) kun 153 partoprenantoj inter 1 kaj pli ol 70 jaroj el deko da landoj, ĉeestis 25 junaj familioj kun sume 40 infanoj kaj sesdeko da unuopuloj kaj paroj sen infanoj.

Ĉi-foje denove estos ekskursoj, libertempo kaj iom da klerigo. Ni ĉefe volas pasigi kelkajn agrablajn tagojn kaj havi multan lokon por neformalaj interparoloj. Ni jam interkonsentis viziton al redaktejo kaj presejo de la du frankfurtaj gazetoj "Frankfurter Allgemeine Zeitung" kaj "Frankfurter Rundschau", ni ĝuos promenojn kaj diversajn ekskursojn tra la malnovaj kaj modernaj partoj de Frankfurt kaj en la ĉirkaŭaĵon. Ni ofertos prelegojn, diskutrondojn kaj kursojn.

Ĉiuj konsentas, ke plej bone oni lernas lingvon en la koncerna lando – Esperanton oni lernas en Esperanto-Lando. Ankaŭ ĉi-foje por maksimume dek komencantoj ni ofertos iom intensan kurson en la unuaj du tagoj de la aranĝo; progresantoj ĝuos lingvan subtenon, kaj estos konversacia rondo. Tiel eblos dum unu renkontiĝo lerni la lingvon kaj tuj ekapliki ĝin en internacia rondo – aŭ plulerni ĝin post baza kurso kaj fari la unuajn paŝojn en tiu nova multnacia ĉirkaŭajo. Aparte ni okupiĝos pri la lingva evoluo de la infanoj. Ili povos partopreni lingvokurson, komune ludi, praktiki la lingvon dum manlaboraj rondoj kaj ĉeesti prezentadon de la konata kaj ŝatata Mazi-vidbendo. Ni esperas, ke tiel ni sukcesos ligi amuzon kun lingvolernado kaj refoje kontribuos al la estiĝo de gaja internacia infana rondo.

> Oni demandas kelneron pri la plej granda deziro. Li iom konfuze respondas:
> – Mi volas, ke ĉiuj klientoj manĝu hejme kaj la dankmonon sendu al mi per poŝto.
>
> *(el "Komencanto")*

La renkontiĝo okazos en la "Domo de la Junularo", apud la rivero Main en piedira distanco al la centro de Frankfurt. Facile eblos esplori la urbon per promenoj kaj per urbaj trafikiloj. Logos unuflanke muzeoj, parkoj kaj rigardo en la multjarcentan historion de la iama "Regna Urbo", en kies Paul-preĝejo formiĝis la germana parlamento en 1848. Aliflanke eblos viziti la modernan nubskrapulan kvartalon, kie havas sian ĉefsidejon multaj germanaj bankoj kaj ankaŭ la Eŭropa Centra Banko. En la ejo ni uzos loĝĉambrojn por unu ĝis kvar personoj, ĉiuj kun lavabo; multaj disponas pri propraj duŝo kaj necesejo.

Ĉu vi interesiĝas? Plenigu la aliĝilon ĉe <http://www.esperantoland.org/nr> aŭ sendu retmesaĝon aŭ leteron al: <Lu@EsperantoLand.org>; EsperantoLand e. V., Lu Wunsch-Rolshoven, Wiclefstr. 9, 2. Ĥ., 10551 Berlin, Germanio; telefono +49-30-6855831.

***(esper-inform)***

## SOMOSO PER ESPERANTO, ESPERANTO PER SOMOSO

Tintis mia mobila telefono. Mi legis, ke estas mesaĝo. Mi devis malkovri la enhavon. Jen do franca teksto aperis. Mi rekonis la skribinton. Li estas Benina esperantisto. Mi tuj respondis ne en la franca, sed en Esperanto. Plia mesaĝo lia venis tagojn poste, nun en Esperanto. Li forgesis akuzativon kaj aliloke misuzis ĝin. Mi respondis korektante la teksteton. En aliaj tagoj devis atingi min "somosoj" (SMS) el interne de Togolando, kaj ankaŭ de ties ekstero. Pliafoje mi forigis skoriojn. Naskiĝis do en mi ideo pri uzo de tiu ĉi ilo por disvastigi Esperanton.

Pasis tagoj, kaj aferoj strebis al maturiĝo. Pli ol dek somosoj ricevitaj el ekster Togolando plupensigis min. La kurso de TIETo/UTE en aŭgusto 2005 devigis min aliri somosojn. Mi skribis al kursano. Venis respondo ne en Esperanto, sed en la franca. Mi tuj reagis, ke mi ne komprenas. Kelkajn minutojn poste aperis Esperanta teksteto kun misvortoj. Mi ne korektis, ĉar tro multe mi devus klarigi. Mi renkontis la skribinton kaj klarigis la aferojn al li parole. El liaj reagoj mi komprenas ke pro manko de praktikado li forgesis la malmulton, kiun li konas. Necesas ĉiam uzi la malmulton kaj plie kapti aliajn vortojn. Mia regula rilatado somosa kun li devigis lin uzi sian vortareton.

En mia lasta mesaĝo al li, mi uzis la vorton *ronki*. Venis reago, ke li nenion komprenas. "Serĉu kaj vi trovos" estis mia respondo. Kelkajn minutojn poste venis mesaĝo, per kiu li montris sian nekontenton: "Mi neniam ronkas". Mi ĝojas, ke li kaptis la signifon de la vorto. Mi komprenas, ke mi daŭrigu kun aliaj komencantoj. La vojo estas vere facila, rapida kaj ne-temporaba, sed ĝi konsumas, precipe kiam temas pri vokoj. La telefonkartoj kostas tiom, ke instruistoj kaj instruatoj malfacile uzos la vojon por voki, sed ja por somosi, ĉar ĝi estas tre praktika kaj simpla. Kion nun fari por kuraĝigi tiajn komencantojn?

Necesas, ke esperantistoj tra la mondo sendu somosojn al afrikanoj, precipe al komencantoj, kiuj tiel ekuzos la malmultajn vortojn, kiujn ili ĵus lernis. Kolektado de telefonnumeroj ĵus komenciĝis. Ankaŭ eksterafrikanoj bonvolu disponigi siajn al la Afrika oficejo per retmesaĝo al la adreso <esp.togo@cafe.tg>.

***Gbeglo Koffi (Togolando)***

---



**La 21-an de septembro en la aĝo 47 jaroj pro koratako forpasis unu el la plej konataj kartvelaj esperantistoj, prezidinto de Kartvelia E-Asocio Avtandil Abuladze.**

la verda KoRo

kultura revuo

## MODERNA RUSA VORTARO

*Русско-эсперантский словарь (Rusa-Esperanta vortaro). Kompilis A.B.Ŝevĉenko. Eld. Impeto. Moskvo, 2004. 263 paĝoj, 22 cm. ISBN 5-7161-0100-3.*

Oni ne povas plendi pri manko de rusaj-Esperantaj vortaroj. Kontraŭe, kelkaj el ili estas elstaraj.

La unua nacilingva-Esperanta vortaro estis ĝuste rusa, ĝin verkis Ludoviko Zamenhof mem, ĝi aperis en la jaro 1889 kaj estis tre ampleksa por la ĵus naskiĝinta lingvo: ĝi enhavis 10 500 rusajn vortojn, tradukitajn per 3097 Esperantaj radikoj. Fakte, ĝi prezentis la staton de la nova lingvo antaŭ ĝia publikigo, sed Zamenhof lastmomente decidis publikigi en la Unua Libro nur reduktitan version de la lingvo. Laborante pri mia esperantologia disertacio, mi trovis en tiu ĉi pionira verko amason da interesaĵoj, kiuj meritas pluan esploron de esperantologoj.




Alian elstaran vortaron aperigis en 1931 Ilja Izgur kaj Viktor Kolĉinskij. Ĝi entenas 28 000 vortojn kaj ĝis antaŭ nelonge estis la plej ampleksa nacilingva-Esperanta vortaro. Ĝi estas tre riĉa je tiutempaj soci-politikaj kaj teknikaj vortoj kaj detale traktas signifojn de rusaj vortoj. Mi tenas tiun verkon sur la breto, kie staras miaj plej ŝatataj libroj. La talentaj aŭtoroj estis... ne, ne premiitaj, sed... mortpafitaj, ĉar totalismaj reĝimoj vidas danĝeron ne nur en poetoj, sed eĉ en vortaristoj.

La tria elstara rusa-Esperanta vortaro kun 24 000 vortoj, kiun kompilis grupo da fakuloj sub gvido de profesoro Jevgenij Bokarjov, aperis en la jaro 1966 en prestiĝa ŝtata eldonejo. La laboro estis plenumita sur alta profesia nivelo. Tamen por la redaktoro estis tre malfacile interkonsenti pri aldono de iom da vortoj, kiuj forestis en la oficiale aprobita vortlisto por tiuampleksaj rusaj-alilingvaj vortaroj.

Malgraŭ ekzisto de tiuj tri elstaraj vortaroj kaj pluraj aliaj rusaj-Esperantaj vortaroj, lastatempe oni pli kaj pli sentas bezonon de moderna vortaro, reflektanta la nunan uzon. Kaj jen finfine ĝi aperis.

La kompilinto estas la konata eldonisto Aleksandr Ŝevĉenko. La rusa vortlisto entenas 15 500 vortojn kaj iliajn 35 000 signifojn, tradukitajn en Esperanton. La

vortaro estas moderna: ĝi traktas plej uzatajn vortojn de la nuntempa rusa lingvo, sufiĉe multajn diversfakajn terminojn, ofte uzatajn nomojn de animaloj kaj plantoj, malfacile tradukeblajn pure rusajn vortojn kaj signifojn. Estas senteble, ke la kompilinto uzis komputilon kaj Interreton, kio tre pozitive influis la kvaliton de la verko.

Ne kun ĉiuj tradukoj oni povas plene konsenti, kaj oni povas imagi ankaŭ alternativajn tradukojn, sed tio ne estas grava. La limigita amplekso de la vortaro ne permesis sufiĉe detale klarigi signifojn de iuj vortoj. Praktike mankas vortkunoj, frazeologio kaj ekzemploj de uzo. Malgraŭ tiuj mankoj, la vortaro ŝtopas la truon kaj estas rekomendinda por vasta uzado.

Fine ni notu, ke por la rusaj vortoj estas indikita la akcentoloko, kaj ke la libro entenas valoran ruslingvan eseon de Jelena Ŝevĉenko "El la historio de la rusa leksikografio de Esperanto".

***Boris Kolker (Usono)***
***(el "Esperanto", oktobro 2005)***

## LIBROSERVAJ FUROROJ EN VILNO

La plej populara Esperanta libro de la lastaj jaroj, "Vojaĝo en Esperanto-lando" de Boris Kolker, estis la pinta furoraĵo ankaŭ en la kongresa libroservo de la 90-a UK en Vilno, kie ĝia ĵus aperinta tria eldono vendiĝis en 96 ekzempleroj. Bonan debiton en la jubilea UK ĝuis ankaŭ "Sed homoj kun homoj". Tiu libro de Ziko Sikosek pri la 100-jara historio de Universalaj Kongresoj estis vendita en 66 ekzempleroj. La trian lokon en la vendostatistiko atingis la jam tradicia kajero kun la prelegoj de la Internacia Kongresa Universitato, kiu altiris 62 klientojn.

La Libroservo de UEA vendis en Vilno varojn por suma valoro de pli ol 32000 eŭroj. En la ĉi-suba listo estas la 20 plej venditaj varoj. Mankas en ĝi, tamen, diversaj malpli valoraj varoj (poŝtkartoj, skribiloj, insignoj, glumaroj ktp), da kiuj vendiĝis centoj. Post ĉiu titolo kaj aŭtoro estas indikitaj la kvanto de venditaj ekzempleroj kaj parenteze – la prezo en eŭroj.

1. "Vojaĝo en Esperanto-lando" (B.Kolker), 96 ekz. (12,00);
2. "Sed homoj kun homoj" (Z.M.Sikosek), 66 ekz. (bind. 20,00 / broŝ. 14,00);
3. "IKU-libro", 62 ekz. (7,50);
4. "Pasporta Servo", 50 ekz. (10,00);
5-6. "La Zamenhof-strato" (R.Dobrzynski), 46 ekz. (18,00 / numerita 25,00);
5-6. "Manlibro pri instruado de Esperanto", 46 ekz. (7,50);
7. "Historio de Esperanto" (A.Korĵenkov), 36 ekz. (12,00);
8. "Gastono 1" (A.Franquin), 34 ekz. (7,20);
9-10. "Plena Ilustrita Vortaro 2005", 27 ekz. (72,50);
9-10. "La jaro 2006", 27 ekz. (5,10);
11. "Diverskolore" (T.Steele), 25 ekz. (9,00);
12-14. "Mil unuaj vortoj en Esperanto" (H.Amery), 20 ekz. (10,00);
12-14. "Saluton!" (A.Childs-Mee), 20 ekz. (7,20);
12-14. "Baza Esperanta radikaro" (W.Pilger), 20 ekz. (5,00);
15. "Pasteĉo" (S.Johansson), 19 ekz. (9,00);

16. “Litova lingvo per Esperanto-okuloj” (M.Vanden Bempt), 18 ekz. (16,50);
17-19. “Esperanto-literaturo” (kompakta disko), 15 ekz. (6,60);
17-19. “Prezidantoj de UEA” (kompakta disko), 15 ekz. (6,60);
17-19. “Arne, la ĉefido” (L.Nordenstorm), 15 ekz. (5,40);
20. “Litova murkalendaro (2005-2006)” (A.Skiesgilas), 14 ekz. (4,00).

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 216)***

## KANTOJ EL RUSIO SONAS EN GERMANIO

*Esperanto sukcese povas servi por kultura interŝanĝo – tion konfirmis la koncerto de la grupo de rusaj enmigrintoj en Esperanta klubo Erlagen enkadre de la interkultura monato[1] en tiu germana urbo la 5-an de oktobro*

Naskiĝinta en aŭgusto 2005, la grupo konsistas el eks-sovetianoj, loĝantaj en Nurnbergo: Sergej Orlovskij – bardo, aŭtoro, gitaristo, esploristo de barda movado, Oljga Litvinova – juna kantistino kaj Grigory Grin – amatora gitaristo kaj fervora esperantisto. En aprilo 2005 Sergej kaj Grigory komencis la unuajn provojn kanti en Esperanto, en julio ili prezentis Esperantan muzikan programon dum la BUGA (Federacia Ĝardenekspozicio) en Munkeno. Poste aperis Oljga kaj pliriĉigis la duopon per sia belega voĉo. Dum aŭgusto kaj septembro la nova triopo kunlaboris pri la programo “Kantoj el Rusio”, kiu estis prezentita al esperantistoj en Erlangen.

La unuhora programo enhavis kaj rusajn bardajn kantojn (tradukitajn Esperanten), kaj originalajn kantojn en Esperanto el Rusio. En la barda bloko temis pri Bulat Okudĵava (“Preĝo”), Jurij Vizbor (“Mia amatin”) kaj Oleg Mitjaev (“Bonegas kiel...”). Grigory iom rakontis pri la rusia barda movado, ankaŭ sciigis pri la morto de Vladimir Lancberg[2], kiu loĝis dum lastaj jaroj en Nurnbergo. Originalaj kantoj estis plejparte de Mikaelo Bronŝtejn, ankaŭ de Ĵomart kaj Nataŝa (kaj iliaj komunaj kantoj el la KD “Amu min”) kaj “Ekvinokso” (“Urbo sur Neva”). Tre entuziasmigis la publikon internacia kanto “La lama reĝo” de Aleksandr Dulov[3].

La publiko, konsistinta el la erlangenaj kaj nurnbergaj esperantistoj kaj kelkaj novaj interesiĝantoj, bonege akceptis la prezenton. Bernhard Mauer, la organizinto de la vespero: “... ĉiuj partoprenantoj estis entuziasmigitaj pro la bela voĉo de Oljga. La grupo ricevis grandan aplaŭdon.” Ankaŭ bonega gitarakompano de Sergej estas laŭdinda.



*Sergej, Oljga kaj Grigory - la nova esperanta triopo en Nurnbergo*

La laboro plu daŭras. Nun la triopo prepariĝas por la Zamenhof-tago en Munkeno la 10-an de decembro, kie esperantistoj el Bavario kunvenos por komune festi la naskiĝtagon de Zamenhof kaj

proksimiĝontan Kristnaskon. La triopo esperas partopreni ankaŭ aliajn Esperantajn aranĝojn.


kelkaj partoprenintoj de la aranĝo en E-klubo de Erlangen

Sergej kaj Oljga komencis lerni Esperanton speciale por kanti en Esperanto, plilarĝigi propran horizonton kaj porti la belajn rusajn kantojn al internacia publiko. Ambaŭ bezonas subtenon flanke de esperantistoj por ke ilia intereso al internacia lingvo ne malpliiĝu.

Bona novaĵo por esperantistoj el Nurnberg, Erlangen kaj ĉirkaŭaĵo: en januaro 2006 turneos en Germanio Mikaelo Bronŝtejn. La 13-an de januaro li koncertos en Nurnbergo[4]. La koncerton organizas loka Esperanto-klubo kaj barda klubo “Sunfloro”.

Sergej, Oljga kaj Grigory dankas ĉiujn esperantistojn, kiuj helpis kaj subtenis ilin dum la tuta preparado: Mikaelo Bronŝtejn, Ĵomart Amzejev, Nataŝa Gerlaĥ, Jefim Zajdman, Mikaelo Povorin, Andrej Grigorjevskij, Andrej Obrezkov, Svetlana Smetanina, Mikaelo Lineckij, Valentin Melnikov kaj aliaj.

**Komentoj kaj ligoj:**

[1] Interkultura monato en Erlangen (germanlingve): <http://www.erlangen.de/de/desktopdefault.aspx/tabid-8/1320_read-7653/>.
[2] Vladimir Lancberg mortis la 29-an de septembro en Nurnbergo: <http://www.annews.ru/modules.php?name=News&file=article&sid=17445>.
[3] Aleksandr Dulov fine de oktobro partoprenos la bardan festivalon de Viktor Ŝnejder en Munkeno <http://www.club-gorod.de/programma/fest2005.htm> kaj poste koncertos en Nurnbergo la 2-an de novembro.
[4] Pliaj informoj pri la koncerto de Bronŝtejn: <http://esperanto.vorota.de>.
[5] Fotoj de la koncerto: <http://public.fotki.com/vorota/bordo/erlangen/>.

**Kontaktoj:** <bereg@vorota.de>, <http://bordo.vorota.de> (baldaŭ aperos propra ttt-ejo de la grupo).

***Grigory Grin (Germanio)***

## GRANDA VERKISTO KAJ ESPERANTISTO FORPASIS

Unu el la plej gravaj kaj popularaj ĉinaj verkistoj de la 20-a jarcento, la veterana esperantisto Bakin (Ba Jin; origine Li Feigan) forpasis la 17-an de oktobro. La 25-an de novembro li estus 101-jara. Bakin aktivis en la Esperanto-movado ekde la 1920-aj jaroj, kiam li ankaŭ tradukis el Esperanto al la ĉina verkojn de E.Amicis,

A.Tolstoj kaj Akita Ujaki. En 1932 li ĉinigis la romanon "Printempo en aŭtuno" de Julio Baghy. Ĝi forte tuŝis lin kaj inspiris lin verki ĉinlingve sian propran romanon "Aŭtuno en la printempo", kies Esperanta traduko aperis en 1980. En Esperanto aperis ankaŭ liaj romanoj "La familio" kaj "Frosta nokto".

Bakin faris gravajn servojn al la ĉina Esperanto-movado, i.a. kiel prezidanto de Ĉina Esperanto-Ligo, kies honora prezidanto li estis. Dum la "kultura revolucio" en la 1960-aj jaroj li estis kruele persekutata kaj publike humiligata kiel "kontraŭrevoluciulo", sed post la restarigo de normalaj kondiĉoj li okupis gravajn sociajn funkciojn, i.a. kiel vicprezidanto de la Ĉina Popola Politika Interkonsiliĝa Konferenco. En 1981 li fariĝis prezidanto de la Ĉina Verkista Asocio. En 1981 Bakin estis elektita kiel membro de la Honora Patrona Komitato de UEA. Li estis membro de la Honoraj Komitatoj de ambaŭ Universalaj Kongresoj okazintaj en Pekino, en 1986 kaj 2004.

En sia kondolenca mesaĝo okaze de la forpaso de Bakin, la prezidanto de UEA, d-ro Renato Corsetti skribis: "Kelkaj homoj estas pretertempaj kaj preterlokaj. Tiaj estas laŭ mi la grandaj homoj, kies instruoj daŭre restas en la mondo, kiel ekzemple Gandhi aŭ Zamenhof aŭ multaj aliaj, kiuj estas prave rigardeblaj kiel niaj samtempuloj aŭ prefere ĉiu-tempuloj, ĉar ili pluvivas inter ni per siaj pensoj, kiuj daŭre influas nin preter la tempo kaj la loko, en kiu ili vivis. Sinjoro Bakin, aŭ Li Feigan, estas tia por la esperantistoj."

***(Gazetaraj Komunikoj de UEA, № 217)***

---

# *Mikaelo Bronŝtejn (Tiĥvin)*

## TRIĈAPITRA BALADO PRI UNU RASTILO

### Ĉapitro 1

Staras rastilo en angul'.
Ordinara.
Bum! Jen surpaŝis ĝin junul'
Deksepjara.
"Al redakcion de "Komsomolskaja Pravda"
Estimata redakcio!
Esperanto estas ĉio
Plej-plej bona en la mondo
Por junulo, vagabondo!
Plej-plej granda filozofo
Nikolao (forstrekita) Ludoviko Zamenhofo
Nin donacis la ideon –
Nin feliĉon, pacokreon.

Nun batalos mi sen laco –
Esperanto servas paco!
Skribu, skribu tuj pri tio,
Estimata redakcio!
Ke ekfajru nova sento!
K.Tumultov. Jam studento.”

“Al k-do Tumultov K.I.
Mia juna kamarado Konstantin!
Jam studentas vi, do mi gratulas vin
Kaj esperas, ke anstataŭ misa pado
Veran vojon prenos vi dum la studado,
Prudentiĝos por ne fali sur deklivo...
Esperanto estas morta, burĝa lingvo,
Frukto de imperiista propagando!
Ĉu ĝi servas pacon? La soveta lando
Al demand’ naiva kun esenco ruza
Diras: – Pacon servas digne nur la rusa,
Nia ŝtata lingvo, nia ĉeftrezoro!
Memorfiksu tion!
La vicredaktoro.”

## Ĉapitro 2

Staras rastilo en angul’.
Ordinara.
Bum! Jen surpaŝis ĝin junul’
Tridekjara.
“Al estimata prezidento Jelcin B.N.
Sinjoro prezidento,
Al la final’ tenisa
Mi spektis kun atento:
Vi ŝajnis iom misa!
Apud ŝtatestro franca
Anstataŭ vortojn ligi
Vi kun vigleco pranca
Mansvingis por klarigi,
Ke brile ludis Anna...
Aŭ ne, – Anastasia!
Konsentu, ke profana
Aspektis gesto via.
Ellernu Esperanton,
La lingvon de l’ espero,
Kun la kolegoj viaj –

Regantoj de la Tero.
Kaj tiam pri teniso,
La ludo multnuanca
Parolos vi ĝissate,
Eĉ se kun gesto pranca.
Fieros ni pri l’ venkoj,
Eĉ se en sporta mondo!
Kaj – vivu Esperanto!
Tumultov.”

Sen respondo.

## Ĉapitro 3

Staras rastilo en angul’.
Ordinara.
Bum! Jen surpaŝis ĝin junul’
Kvardekjara.
“En la agentejon pri klerigo de Rusia Federacio.
Estimataj kolegoj!
Celante utilon por ŝtato,
Ni proponas enigi
Senprokraste, hodiaŭ kaj tuj
En la ĉefan programon
De ĉiu universitato
Plej utilan objekton –
La lingvon de l’ Esperantuj’.
La centjara praktiko
Ja estas plej bona atesto!
Ni posedas lernilojn
Tre diversajn – de unu ĝis tri!
Niaj kantoj triumfas,
Kaj ilin aprobis Unesko!
Tra la mond’ Esperanto
Ja estas la lingvo por ni!
Ne hezitu aprobi...
Almenaŭ l’ afer’ pripensindas,
Forpuŝante la anglan
Ni ja helpos al via senpov’!
Avantaĝojn ne vidas
Tiuj nur, kiuj stultas aŭ blindas!
En la nomo de CREU –
K.Tumultov kaj F.Apudskov”

“Al Centra Rjazana Esperanto-Unio,
s-roj Tumultov K., Apudskov N.
Letero fia (forstrekita) via estas pristudita.
Jen pozicio nia, – ĉu ne jam aŭdita?
Sed mi ripetu por kompreno erudita:
Pri Esperanto scias ni; post viv’ centjara
Ĝi restas preskaŭ neuzata; estas klara,
Ke instruado ĝia estus voj’ erara.
Ĝi, forŝirita disde iu ajn kulturo,
Ne rajtas esti por studentoj la lumturo,
Do endas ŝovi ĝin al certa aperturo.
(la linio forstrekita)
Do la studad’ de tiu lingvo ‘stas enorma,
En ĝia nuna stato; eĉ kurset’ informa
Laŭ ni ja estus ago tre necelkonforma.
En lingvistika bildo de moderna mondo
Komprenu klare vian lokon, espa rondo,
Kaj sidu (forstrekita) studu vi en paco – jen respondo.
Nu, certe, ĉiu rajtas studi... sen reklamo,
Kaj ekster iu ajn lerneja studprogramo!
Proverbo pravas ja: malica estas amo...
Ni argumentus pli, sed lacas jam la mano.
Ni diris ĉion, por komprenu eĉ profano.
I.Formalejeva, la akademiano.”

## <u>Epilogo</u>

Staras rastilo en angul’,
Aĵ’ rutina.
Se plian fojon la junul’
Tre obstina
Ĝin venas por la vica “bum!”,
Ni pripensu
Pli taŭgan nomon sen cerbum’.
Do komencu:
Staras rastilo en angul’,
Aĵo bona.
Bum! Ĝin surpaŝis la (startul’, spertul’, vantul’, prudentul’, sanktul’...)
Ferbeto-o-na!

*sept. 2005*

# RUSAJ FABELOJ

*tradukis Oleg Ĉajka (Moskvo)*

## MANJO KAJ URSO

Vivis iam geolduloj. Kaj kun ili loĝis ilia nepino Manjo.

Jen, iras foje ŝiaj amikinoj al arbaro por fungoj kaj beroj. Vokas ankaŭ Manjon.

– Avĉjo, avinjo, – petas Manjo, – lasu min iri al arbaro kun la amikinoj.

La geavoj respondas:

– Iru, nur ne apartiĝu de la amikinoj por ne perdi la vojon.

Venis la knabinoj en la arbaron, komencis kolekti fungojn kaj berojn. Kaj Manjo – arbon post arbo, arbedon post arbedo – foriris tre malproksimen de la amikinoj. Ekvokis ŝi ilin, kriis laŭte, sed ne aŭdas ŝin la amikinoj, ne respondas.

Longe vagis Manjo tra la arbaro – tute perdiĝis. Venis ŝi en plejan densejon kaj vidas: staras dometo. Frapis Manjo la pordon – neniu respondas. Puŝis ŝi la pordon – tiu malfermiĝis.

Eniris Manjo en la dometon, sidiĝis ĉe la fenestro sur benkon. Sidas kaj pensas: "Kiu loĝas en tiu dometo, kial neniu estas?.."

En tiu dometo loĝis grandega urso. Li tiam forestis: tra la arbaro promenis.

Revenis la urso vespere, vidis Manjon, ekĝojis.

– Aha, – diras li, – ne ellasos mi vin! Vi vivos ĉe mi. Vi la fornon hejtos, kaĉon kuiros, min manĝigos.

Ŝi sopiris iom kaj angoris, tamen nenio fareblas. Ekloĝis ŝi ĉe la urso.

Foriradas la urso por tuta tago en arbaron kaj al Manjo ordonas sen li nenien el la dometo foriri.

– Kaj se vi foriros, – diras li, – mi tutegale kaptos vin kaj tiam ĝuste formanĝos!

Komencis Manjo pensi kiel ŝi fuĝu de la urso. Ĉirkaŭe estas la arbaro kaj kiudirekten iri – ŝi ne scias kaj ne estas kiun demandi… Pensis ŝi, pensis kaj fine elpensis. Foje revenas la urso hejmen, kaj Manjo diras al li:

– Urso, urseĉjo, lasu min por unu tago iri al mia vilaĝo: mi al miaj geavoj regalon portu.

– Ne, – diras la urso, – vi perdiĝos en la arbaro. Donu la regalon, mi mem portos.

Kaj Manjo ĝuste tion bezonas! Bakis ŝi kukojn, prenis tre grandan korbon kaj diras al la urso:

– Jen, rigardu: mi metos en tiun korbon la kukojn, kaj vi portu ilin al miaj geavoj. Kaj memoru: ne malfermu dumvoje la korbon, ne elprenu la kukojn. Mi grimpos sur altan arbon kaj vin observos!

– Bone, – respondas la urso, – donu la korbon!

Kaj Manjo diras:

– Eliru, rigardu: ĉu pluvas?

Ĵus eliris la urso al la perono, Manjo tuj kaŝis sin en la korbon, kaj sur la kapon

metis la pladon kun la kukoj. Revenis la urso kaj vidas, ke la korbo jam pretas. Surmetis li la korbon sur la dorson kaj ekiris al la vilaĝo.

Iras la urso inter abioj, iras inter betuloj, en ravinojn subiras, sur altaĵetojn supreniras. Iris-iris, laciĝis kaj diras:

*L' korbon mi demetu,*
*Kukon mi manĝetu!*

Kaj Manjo el la korbo:

*Alte mi sidas,*
*Ĉion mi vidas!*
*L' korbon ne demetu,*
*Kukon ne manĝetu!*
*Portu al la geavoj!*

– Vidu, kia akrevida ŝi estas, – diras la urso, – ĉion vidas!

Levis li la korbon kaj ekiris plu. Iris-iris, iris-iris, haltis, sidiĝis kaj diras:

*L' korbon mi demetu,*
*Kukon mi manĝetu!*

Kaj Manjo el la korbo:

*Alte mi sidas,*
*Ĉion mi vidas!*
*L' korbon ne demetu,*
*Kukon ne manĝetu!*
*Portu al la geavoj!*

Miras la urso:

– Vidu, kia ruza ŝi estas! Alte sidas, ĉion vidas!

Ekstaris kaj ekiris rapide.

Venis li al la vilaĝo, trovis la domon, kie loĝis la geolduloj, kaj ekis frapadi plenforte al la pordego:

– Frap-frap-frap! Malŝlosu, malfermu! Mi al vi de via Manjo regalon alportis.

Kaj hundoj sentis la urson kaj ekrapidis al li. De ĉiuj kortoj kuras, bojas.

Ektimis la urso, metis la korbon ĉe la pordego kaj ekkuregis en la arbaron.

Eliris al la pordego la geolduloj kaj vidas: korbo staras.

– Kio estas en la korbo? – diras la maljunulino. Kaj la oldulo levis la kovrilon, rigardas kaj ne kredas al siaj okuloj: en la korbo sidas Manjo – viva kaj sana!

Ekĝojis la geavoj. Komencis ili Manjon brakumi, kisi, nomi bravulino.

---

## SINJORO URSO

Venis iam Urso al la legomĝardeno de Leporo kaj demandas:

– Kiel vi fartas, Longaj Oreloj?

– Jen, la karoton el tero tiras, sinjoro Urso.

– Ĉu bonas la karoto?

– Bonas, sinjoro Urso, sed sidas tre profunde.

– Ankaŭ mi, eble, bezonas karoton, – mediteme diris Urso, – por vintra rezervo…

– Por via sano, sinjoro Urso! Prenu, kiom vi volas!

Kraĉis Urso sur siajn manplatojn kaj ekis la karoton eltiradi, kaj tiele, ke ĝi diversflanken disflugis…

Ĝuste tiam pretere Erinaco trotis, kaj unu karoto ĝian kapon trafis kaj sur la pingloj ekpendis.

– Kia malindeco! – elsiblis Erinaco. – Kio ĉi tie okazas?

– Ni karoton plukas! – muĝis Urso. – Kaj vi kien iras, Pikema Kapo?

– Mi iras en arbaron por fungoj!

– Fungoj estas bonega afero! – ekĝojis Urso. – Mi bezonas vintran rezervon. Iru ni por fungoj!

– Sinjoro Urso, kio pri la karoto?

– "Karoto, karoto"… – koleras Urso. – Mem ĝin manĝu, kaj mi fungojn preferas.

Kaj sekvis Erinacon en arbaron. Trotas Erinaco en la arbaro, fungojn kolektas kaj sur siajn pinglojn metas, sed la mallerta Urso ilin surpaŝas plejparte.

Sciuro krias al li de arbo:

– Kial vi, sinjoro Urso, konstante kliniĝas?

– Mi fungojn kolektas – vintran rezervon faras, – respondas Urso.

– Kio estas viaj fungoj, – pepas Sciuro. – vi prefere nuksojn gustumu!

Gustumis Urso nuksojn, kaj ili tre plaĉis al li.

– Tio estas bona afero! Mi ilin tuj, unumove kolektos. Jen!

Brakumis Urso tutan avel-arbedon, plenan de maturaj nuksoj, kaj elplukis ĝin kune kun la radikoj, metis sur sian dorson kaj ekportis. Vidis tion Erinaco, nur la manojn disigis.

Renkonte al Urso iris Kato kun fiŝkaptiloj.

– Kien vi iras, Vila Vosto? – haltigis lin Urso.

– Fiŝkapti, sinjoro Urso. Mi volas fiŝojn kapti por miaj katidoj.

– Fiŝojn? Mi ŝatas fiŝojn, – sin lekis Urso. – mi tre bezonas fiŝojn por vintra rezervo.

– Nu bone, iru ni! Mi kunhavas kroman fiŝkaptilon, – diris Kato.

Ekiris ili fiŝkapti. Subite Kato demandas:

– Atendu! Kio pri viaj nuksoj, sinjoro Urso?

– Kio estas nuksoj… Malgravaĵo. Iru ni rapide fiŝojn kaptadi, mi por vintro bezonas multe da ili.

Venis ili al la rivero.

Ĵus ĵetis ili la hokojn en la akvon – jenas Vulpino!

Apudsidiĝis al Urso kaj ridetaĉas:

– Pri bagateloj vi, sinjoro Urso, okupiĝas.

– Kial pri bagateloj? – ofendiĝis Urso. – Mi fiŝojn bezonas por vintra provizo.

– Ĉu multe vi kaptos? Kaj kia ĝojo estas tutan vintron fiŝojn maĉi? – diras Vulpino. – Mi al vi alian aferon proponu. Tutan vintron vi min dankados.

– Kiun aferon? – demandis Urso.

– Iru ni en vilaĝon, kokojn-anasojn ŝteladi.

– Kokojn? Anasojn? Iru ni rapide! – elĝojis Urso kaj la fiŝkaptilon deĵetis.

– Sinjoro Urso, vian hokon fiŝo mordetas! – krias Kato.

– Mordetu ĝi. Fiŝo ne estas koko, – grumblis Urso kaj sekvis Vulpinon.

Kiam mallumiĝis, Urso kaj Vulpino tra vilaĝaj malantaŭoj kaŝvenis al la vilaĝa birdejo. Vulpino flankigis tabulon de la barilo kaj flustras:

– Vi, sinjoro Urso, gardostaru ĉi tie, kaj mi al vi kokojn kaj anasojn elportos kiom vi volos.

– Bone, – diras Urso, – nur vi pli rapide revenu kaj pli multe alportu. Mi bezonas vintran provizon.

Iradas Urso ĉe la barilo tien-reen, rigardas ĉirkaŭe, aŭskultas atentege… Sed ne longe li sukcesis gardostari: el la tuta vilaĝo alkuris hundoj nekalkuleble! Kaj ĉiuj graŭlas, bojas plengorĝe, pretas dispecigi! Forgesis Urso pri kokoj, pri anasoj, pri Vulpino-ruzulino kaj forrapidegis de tie… La hundoj tutamase persekutas lin. Tiel ili pelis la kompatindan Urson ĝis la arbaro mem.

Tiutempe Vulpino kun sia akiraĵo nerimarkite elrampis el la birdejo kaj forkuris. Kvazaŭ ne estis eĉ.

Matene kuŝas Urso en la arbaro apud arbo, ĝemas, veas…

Pretere Museto kuris, rimarkis Urson, haltis.

– Kio al vi okazis, sinjoro Urso?

– Jen, hundoj… Hieraŭ preskaŭ senfeligis min.

– Hundoj? Estas malbone, – pepis Museto.

– Mi volis vintran rezervon fari…

– Rezervo estas bona afero, – pepis Museto.

– Mi kaj karoton plukis, kaj fungojn kolektis, kaj nuksojn ŝiris, fiŝkaptis, kokojn ŝteladis…

– Kokojn ŝteladis? Estas malbone, – pepis Museto.

– Mi ĉion faris, sed jen, kun malplenaj manoj restis…

– Do, kion vi nun faros, sinjoro Urso?

– Kion mi faru? – diris Urso. – Vintro tujos. Kuŝiĝos mi en la nestokavon, ĝis la printempo la manon suĉos…

– Eĥ, sinjoro Urso! – pepis Museto. Ĝi, ŝajne, ankoraŭ ion volis diri, sed nur svingis per mano, fajfis kaj ektrotis plu.

Vere – kion diri…

---

## VULPINO KAJ LEPORO

Vivis iam vulpino kaj leporo. La vulpino havis dometon el glacio, kaj la leporo – dometon el basto.

Venis printempo. La dometo de la vulpino degelis, kaj tiu de la leporo staras plu. Petis la vulpino tranokton ĉe la leporo, kaj forpelis lin el lia propra domo.

Iras la leporo laŭ vojeto, ploras. Renkontas lin lupo:

– Hej, leporo! Kial vi ploras?

– Kial mi ne ploru? Havis mi dometon el basto, kaj la vulpino – el glacio. Petis ŝi tranokton ĉe mi, kaj forpelis min.

– Ne ploru, leporĉjo! Mi al vi helpos.

Aliris ili al la dometo. La lupo krias:
– Hej, vulpino! Iru el la dometo for!
Kaj la vulpino de sur la fornolito respondas:
– Elkuros mi, elsaltos mi, disiros viaj pecetoj laŭ cent vojetoj!
Ektimis la lupo kaj forkuris.
Denove iras la leporo laŭ vojeto, plie ploras. Renkontas lin urso:
– Kial vi, leporeto, ploras?
– Kial mi ne ploru? Havis mi dometon el basto, kaj la vulpino – el glacio. Petis ŝi tranokton ĉe mi, kaj forpelis min.
– Ne ploru, leporĉjo! Mi al vi helpos.
– Ne helpos vi. Lupo pelis – ne forpelis, ankaŭ vi ne forpelos.
– Mi forpelos!
Aliris ili al la dometo. La urso muĝas:
– Hej, vulpino! Iru el la dometo for!
Kaj la vulpino de sur la fornolito respondas:
– Elkuros mi, elsaltos mi, disiros viaj pecetoj laŭ cent vojetoj!
Ektimis la urso kaj forkuris.
Denove iras la leporo laŭ vojeto, eĉ plie ploras. Renkontas lin koko kun falĉilo:
– Kikerik'! Kial vi, leporeto, ploras?
– Kial mi ne ploru? Havis mi dometon el basto, kaj la vulpino – el glacio. Petis ŝi tranokton ĉe mi, kaj forpelis min.
– Iru ni, mi al vi helpos.
– Ne, koko, ne helpos vi. Lupo pelis – ne forpelis, urso pelis – ne forpelis, ankaŭ vi ne forpelos.
– Mi forpelos!
Aliris ili al la dometo. La koko batas per piedoj la teron, per flugiloj la aeron:

*Kikerik'! Kun falĉilo mi iras,*
*Vulpinon peli deziras.*
*Iru, vulpino, for!*

Aŭdis tion la vulpino, ektimis kaj diras:
– Mi robon jam vestas…
La koko denove:

*Kikerik'! Kun falĉilo mi iras,*
*Vulpinon peli deziras.*
*Iru, vulpino, for!*

La vulpino denove diras:
– Mi ŝuojn jam vestas…
Trian fojon krias la koko:

*Kikerik'! Kun falĉilo mi iras,*
*Vulpinon peli deziras.*
*Iru, vulpino, for!*

Elsaltis la vulpino tra la fenestro kaj forkuris tre-tre malproksimen. Kaj la leporo kun la koko ekloĝis kune en la dometo – gaje kaj feliĉe.